ESPERANTO

Internacia Revuo eldonata de Universala Esperanto-Asocio

Fondinto : H. Hodler.
Redaktoro : D-ro Ed. Privat.
Direktoro de UEA : Hans Jakob.

Adreso : 1, Tour de l'Ile, 1
GENÈVE, Svislando

ENHAVO :

Esperantismo :



Literaturo :



Diversaĵoj :



XXIX-a Jaro N° 390
FEBRUARO 1933

# Trans pinto de la nazo

Amo al sia popolo, sinofero por sia nacio estas jam progresa ŝtupo super nura intereso persona. Tiuj vastaj homaj aroj parolantaj saman lingvon aŭ vivintaj komunan historion rajtas ekzisti memstare kaj liberiĝi de ĉiu maljusta trudo.

La homaro neniel estas kompleta dum eĉ unu el ili suferas en mallibereco kaj mankas al la rondo de la liberaj nacioj. Sed la homaro konsistas el homoj. Ne forgesu tion.

Eĉ nacio ne povas ekzisti se ĝiaj anoj konsideras nur individuan profiton kaj rifuzas pensi pri feliĉo kaj rajto de najbaroj. Kiel homaro povus atingi pacon se al individuaj egoismoj, jam sufiĉe fortaj, aldoniĝas kolektivaj egoismoj altigitaj super ĉio ?

Almenaŭ individuaj egoismoj estas kritikataj kaj iom malrekomendataj en la hejma kaj lerneja edukado. Sed la kolektiva egoismo fariĝas baldaŭ sankta kvazaŭ religio. Ĝin vi kritikas nur ĉe la najbara popolo kaj vi forgesas, ke ankaŭ tie la homoj ricevas edukon similan kaj vidas sian grupan intereson sankta kaj la vian tre malsankta.

La tuta sinteno estas blinda kaj tiom ignoranta la faktojn, ke ĝi povas nur konduki al katastrofo. Ne nomu « realismo » tion, kio estas kompleta iluzio.

La realistaj homoj estas tiuj, kapablaj vidi la tutan bildon kaj kompreni la tutan situacion, ne nur unu eron de ĝi. Nacioj estonte povos ekzisti apude nur se ili enhavos sufiĉe da homoj posedantaj tiun kapablon, t. e. nacianoj samtempe homaranoj, per pli simpla vorto *homoj* antaŭ ĉio.

Tiaj individuoj simpatias, ne nur kun la rajto de sia popolo, sed ankaŭ kun tiu de la ceteraj. Alia nacio batalanta por memstareco aŭtomate ricevas ilian bondeziron. Sed ili ankaŭ sentas, ke sendependeco estas nura ŝtupo eĉ parta iluzio, ĉar la regnoj dependas unu de l'aliaj ĉiutage pli kaj pli.

Tial ilia simpatio ne povas halti tie. Ĝi puŝas ilin al ĉiuj flankoj de tutmonda organizo per interŝanĝoj, interkompreno, interamikiĝo. Enlande ili fariĝas lumetoj en la mallumo kaj helpas ekscititajn samlokanojn vidi la alian flankon, memori pri la homaro kaj malfermi la okulojn al la tuta realo por antaŭvidi la estontecon.

Plimultigi tiajn homojn estis la vivcelo de modesta viro nomita Ludoviko Lazaro Zamenhof. Por tiu edukado kaj faciligado li donis al la mondo sian helplingvon kaj pro ĝia homara fundamento li bonvenigis UEA kiel supernacian organizaĵon.

« Idealisto », diris la personoj, kiuj kredas, ke realismo signifus rigardi ne pli malproksimen ol pinton de sia nazo. Zamenhof estis profunda, ne supraĵa realisto.

*Edmond Privat.*

# Esperantismo

## Al la Solvo de l'Organiza Problemo

De kiam mi funkcias en la movado, estos baldaŭ dudekkvin jaroj, oni preskaŭ daŭre disputas pri la tiel nomita organiza problemo. Ni Esperantistoj agis kiel la kondukantoj de novkreita ŝtato, kiuj en sian konstitucion volas enigi tiom da perfekteco kaj da modernaj ideoj, ke ili malatentas la historiajn faktojn kaj la praktikajn bezonojn. Iun tagon la popolo protestas, ĝi volas panon, ne paperon, ordon, ne teoriojn. Eble la ŝtatkondukantoj kapablas retrovi la vojon el la nuboj al la tero. Se ne, tiam la popolo helpas sin mem, faras revolucion aŭ aklamas la fortan viron kiu donas al ĝi la neceson, forigante per piedpuŝo la troaĵon.

La fundo de nia « problemo » estas trovi la plej bonan metodon progresigi la Esperanto-movadon. Kiel varbi, konservi kaj laborigi Esperantistojn ? Kiel evoluigi kaj konatigi la Zamenhofajn ideojn ?

La elementoj estas certaj spertoj pri propagando kaj instruado, la ekzisto de multspecaj societoj, kaj ĝenerala monmanko, deviganta al nepra ŝparado. « Organizi » volas do diri : tiri konkludojn el la spertoj, kaj tiel aranĝi la kunagadon de la personoj kaj societoj ke ĉiu grava posteno estu okupata, kun minimumo da fortoj kaj kostoj. Neniu laboro estu forgesata, neniu pluroble farata.

Tiun taskon oni povas entrepreni laŭ du kontraŭaj principoj : Per la procedo teoria, kiu unue fiksas planon kiel devus esti la movado, kaj poste puŝas la societojn en ilian lokon laŭ la plano, ŝanĝante aŭ forigante ĉi-tiujn kiuj ne taŭgas por la sistemo. La alia procedo lasas la societojn kiel ili estas, aranĝante la planon laŭ iliaj bezonoj. La unua sistemo estas pli brila kaj ebligas belegajn projektojn kiel organizi la movadon — se oni povus ĝin rekomenci. La dua malpli belaspektas, sed donas rezultojn. Unu ĉefe okupiĝas pri la regado, la alia pri la laboro. Ambaŭ principoj, kiel ĉiuj homaj principoj, dependas de sentoj kaj estas speco de kredo. Ĉar ne utilas disputi pri kredoj, ni estus povintaj ŝpari al ni amason de priorganiza papero.

Kredante al la libereco Esperantista, atendante pli bonan efikon el la iniciato kaj oferemo persona ol el perfekteco de sistemoj, ŝatante simplecon, mi deziras fari proponon.

⁂

Tiom longe la homoj bezonas terpecon kaj kunvivas laŭ geografiaj, lingvaj kaj sociaj necesoj en formo de ŝtatoj pli malpli stabilaj, tiom longe la vojo por iliaj spiritaj celadoj sekvos kutime la ŝtupojn de vilaĝo al urbo, al provinco, al tutlando. Laŭ la bezonoj de la movado aŭ la titolemo de ĝiaj kondukantoj oni aranĝas sur ĉiuj aŭ sur kelkaj ŝtupoj specialan komitaton kaj kronas la konstruaĵon per speco de landa registaro kaj parlamento. Perfekta imito de la ŝtato, nur kun la diferencego ke la ŝtato devigas al ŝtataneco, perforte enkasigas la impoŝtojn, kaj ankaŭ pagas siajn oficistojn kaj parlamentanojn. Malriĉaj privataj movadoj dependas de libervola laboro kaj elektas kiel reprezentantoj al naciaj aŭ internaciaj kongresoj tiujn parlamentanojn, kiuj mem elpoŝigas la elspezojn. La ŝtata principo estas la devigo, la principo de la privataj movadoj, — laŭ mia opinio, — la bona volo. Tial la daŭra komparo de privata movado al la ŝtato, tiom ofte trovebla en nia priorganiza literaturo, ŝajnas al mi esti malkorekta, eĉ danĝera.

La Esperanto-movado entute evoluis laŭ la skizita linio. Sed certaj kaŭzoj igis, ke la neŭtrala-nacia organizformo ne restis la sola. Por lerni Esperanton oni bezonas neniun ilaron, kaj malmulte por ĝin instrui. Kutime oni gajnas nek monon per nia lingvo, nek honorojn ; rilate ĝin la labormastroj kaj registaroj estas indiferentaj. Malsame al societoj alispecaj, kies membreco estas favorata de la ŝtato aŭ de profesiaj unuiĝoj, societo Esperantista estas estaĵo ne profitiga, maldensa, ŝanĝema. Tie, kie persona amikeco aŭ tradicio ne liveras la gluon, grupoj facile disiĝas, fondiĝas aliaj, ili pace kunvivas aŭ batalas, eniras aŭ eliras la nacian societon, k.t.p. Plorinda stato por perfekta organizo ; tamen bonaĵo por la movado, se viglaj elementoj forpuŝas dormemajn.

Plia kaŭzo devenas el la principo de Esperanto mem. Escepte la « interna ideo », kiu estas internacia, Esperanto estas nura lingvo, do esprimilo de pensoj. Neniel mirinde do estas, ke aro da Esperantistoj plenigis tiun, laŭ difino malplenan formon, per siaj specialaj ideoj, kreante movadon profesian, politikan, religian, k.t.p. Nova malbonaĵo por organizo, ne malbeno por la movado. Fervora fakulo kreas samideanojn, egale ĉu li pravigas nian lingvon per katolikaj aŭ socialistaj motivoj.

Alia kaŭzo estas la internacieco de la lingvo. Enlande oni povas propagandi, instrui kaj primediti la lingvon, uzvaloron kaj sencon ĝi ĉefe nur havas kiam korpe aŭ spirite oni transpasas la landlimon. Jam la unuaj Esperantistoj korespondis internacie, jam la unuaj grupoj kaj kongresoj klopodis krei sistemon de internaciaj rilatoj. Malgraŭ ke antaŭ la milito ili disponis pri bela oficejo, pagita de malavara bonfaranto, tiu deziro ne efektiviĝis per la naciaj societoj. Tiam, kiel nuntempe, iliaj aspiroj al internacieco estis haltigataj per la limoj de ilia propra celo kaj konsisto. Ni nur citu la mankantan intereson de multaj membroj, la modestecon de enspezoj kiuj kutime sufiĉas apenaŭ por la enlandaj bezonoj, la grandajn taskojn sur la propra agadkampo, kaj la ne superrigardeblan diferencon inter tiuj societoj, laŭ spirito, grando, interna forto kaj jura konstruo.

⁂

Kiel oni scias estas UEA kiu donis al la movado la veran centron internacian. La recepto estas simpla : Interesigi eble plej multajn Esperantistojn al la uzado de la lingvo, preni de ili kotizojn, liveri servojn kaj jarlibron, kaj administri kun la minimumo de organoj. Volante esti supernacia, al ĉiu servanta, UEA akceptas ĉiun honorindan bonvolulon, kaj intence sin tenas tiom malproksimege de ĉiuj lokaj kaj naciaj malpacoj kiel ĝi povas.

Oni riproĉas al UEA ke per siaj kotizoj ĝi kvazaŭ fiŝkaptas en la blua lago de la propagandaj societoj. Sole ili bredas la fiŝojn, kaj poste la malĝentila UEA ilin englutas ! Kontraŭ kredo ne valoras protesti ; la pensemajn legantojn ni simple atentigas ke la eldonaĵoj de UEA, ĝia disdonado de literaturo,

ĝiaj servoj k.t.p. estas la plej bona propagandilo, la plej efika respondo al la lernontoj, kiuj volas koni la uzeblecon de la proponata helplingvo. Cetere UEA ja povus fari la pruvon, mem entreprenante lokan propagandon kaj kursojn! La ekzisto de UEA flanke de societoj propagandaj aŭ fakaj estas neniu anomalio, sed necesa kunigo de tiu parto de la Esperantistoj kiuj havas internaciajn interesojn.

Pli atentinda estas la riproĉo, kial do UEA ne prenis post la milito la tutan movadon en siajn manojn, tiel ŝparigante pliajn disputojn. Laŭ mia kono de la cirkonstancoj, kontraŭis tian procedon tri ĉefaj kaŭzoj :

*Unue* ĉar dum la malfeliĉaj postmilitaj jaroj ankaŭ UEA estis malforta, ĝi ne juĝis prudente akcepti pliajn taskojn antaŭ bona replenumo de sia propra. *Due* : Grandaj naciaj societoj kiuj bedaŭris la malaperon de la antaŭa Pariza Centra Oficejo favoris specon de laŭkontrakta organizo kiu fine kondukis al la interkonsento de Helsinki. UEA ne havis kaŭzon batali kontraŭ ili aŭ malebligi per sia rifuzo provon organizan, de kiu oni atendis brilajn rezultojn. Tial ĝi konsentis, oferante grandan monhelpon. La tria kaŭzo estas laŭprincipa : UEA ne emas plenumi la dezirojn pri organizo centrigita, ordonita, estrita, ĉar ĝi ne kredas al ĝia efikeco ; ĝi ne volas dependi de la naciaj societoj, kaj simple ne povas oferi sian sistemon de rekta membreco, la sole neŭtrala kaj internacia. La trankvila atendo de UEA ne estis domaĝo por ĝi aŭ la movado. Intertempe la ideoj fariĝis pli netaj, sed nun la cirkonstancoj postulas agadon.

---

## La organizo

### 1.) Principo de Libereco

Ni lasu al ĉiu Esperantisto la rajton grupiĝi, fondi societojn kaj labori laŭ bontrovo. Ni respektu ĉiun societon kiu honeste plugas sian laborkampon.

Kontraŭaj celadoj, kiel ili manifestiĝis lasttempe, nur kreas malpacon kaj haltigas la movadon.

Troaj societoj kaj entreprenoj ĉiam ekzistos. La plej efika defendo estas fari pli bone en sia propra entrepreno. Se malkontentuloj nepre volas havi alian aferon, ili provu la eksperimenton kaj disputu inter si.

La libereco rilatu ankaŭ al la « internacia gvidado ». Regado de la movado, laŭ ŝtata ekzemplo, montriĝis ne ebla dum la tuta historio esperantista kaj estos neebla kaj nenecesa estonte. Jupli oni volos ordoni, despli malmultaj societoj kaj individuoj akceptos la regadon, kaj despli malefikaj estos la decidoj. Pri gravaj demandoj la internacia Komitato konvinkigu la Esperantistojn per la graveco de siaj motivoj ; por la resto : propagando, kongresoj, interrilatoj neniu granda estraro estas necesa. La plej belaj planoj tamen nur povas moviĝi inter la limoj de — kutime — malalta budĝeto.

### 2.) Principo de Universaleco

La unua principo ebligas realigi la duan. Ni forigu en internaciaj aferoj la saĝe konstruitajn diferencojn inter societoj por kaj per Esperanto, societoj naciaj, preskaŭnaciaj, teritoriaj, religiaj, politikaj, profesiaj, k.t.p. Ni estu larĝanimaj, rekonante la honoran titolon de Samideano al ĉiu, kiu sincere uzas kaj propagandas Esperanton.

Kaj la neŭtraleco ? Neŭtrala en sia konstruo, laboro kaj propagando estas la centro, do UEA.

Kaj ĝuste por ke ĝi povu konservi la neŭtralecon, oni ne postulu de ĝi ekzamenon de la akceptotaj societoj laŭ iliaj virtoj aŭ malvirtoj, kiel tion proponis certaj projektoj.

Pri neŭtraleco de societoj ni uzu tute alian mezurilon ol ĝis nun. Dum internaciaj kunvenoj kaj kongresoj ĉiuj reprezentantoj de societoj sentu kaj agu kiel Esperantistoj, flankenlasante tiom siajn naciajn interesojn, kiom la politikajn, religiajn aŭ metiajn kiujn ili eble celadas ! Inter ni : sole valoru Esperanto, kiel lingvo kaj ideo. Ekster ni : ĉiu agu laŭ plaĉo, ne malpacante.

Plia kondiĉo de universaleco estas ke ni grande malfermu la pordon, ebligante partoprenon je la vivo internacia al ĉiu societo kaj institucio, ne konsiderante ĝian riĉecon. Estas la kotiza problemo kiu en la ĝisnunaj planoj fluigis plej multan inkon, kun la sola sukceso ke la naciaj societoj pagis al la Ko-Ro penplene jaran sumon de 3000-3600 svis. frankoj. Per rezigno je tiu mono estas jam forigita granda malfacilaĵo kaj ne unu centimo perdita. Povos eniri ĉi tiuj, kiuj ĝis nun atendis ekstere ; la malriĉaj societoj uzos la ĝisnunajn kotizojn por la propraj bezonoj, kaj la oferemaj pagu libervole al internacia propaganda fundo, de ili administrata.

### 3.) Principo de simpleco

Konservante la liberecon de la societoj, ni ne bezonas premi ilin en sistemon aŭ diskuti pri ilia valoro. Postulante severan neŭtralecon interesperantistan, sed ne plu, ni forigas senutilan diferencigon kaj ĝin koncernan malpacon. Akceptante ĉiun sen kotizo, ni senŝarĝigos multajn Samideanojn je pago kiun ili konsideris kiel nura impoŝto. Rekonante ke la Esperantismo estas « movado », do io fluanta, ŝanĝanta, kaj ne ŝtato, ni tiras la konkludon ke sufiĉas *Laborunuiĝo Interesperantista* kun minimumo da organoj kaj neniu « oficialeco ».

Por tion atingi, oni povas lasi UEA kiel ĝi estas, escepte malgranda statutŝanĝo pri akcepto de korporaciaj membroj kaj kelkaj flankaj punktoj. Ĝi povas deklari ke ĝi okupiĝos pri « la ĝeneralaj interesoj de la movado », kaj, ĉar papera deklaro ne helpas, fari denove ĝeneralan propagandon, kiel ĝi faris ĝin sukcese dum kaj post la milito. Ĝi povas inviti ĉiujn Esperantistojn al siaj kongresoj, kaj uzi la kongresenspezojn por propaganda oficisto. Ĝi akceptu propagandajn societojn kaj instituciojn kiel korporaciaj membroj, kontraŭ nura formala kompenso, kaj kreu el iliaj reprezentantoj *Ĝeneralan Konsilantaron*, kiu kun la Komitato kaj la Ĉefdelegitoj de UEA okupiĝos pri la internaciaj bezonoj.

UEA do ne ŝanĝas, sed simple akceptas ankaŭ teorie la respondecon por la internacia movado kiun ĝi havis jam en la praktiko. Ĝian vivforton ĝi tiros, kiel antaŭe, el kotizoj de Samideanoj kiuj volas esti personaj membroj, kaj ne el kelkcentimaj impoŝtoj. La Unika Kotizo, en la senco de pago deviga por ĉiuj Esperantistoj, estas malkonsiderinda kiel ĉiu devigo. En la senco de pago egala, de plej liberema akcepto de membroj, ĝi ĉiam ekzistis. Ju pli multajn membrojn havas UEA, despli ĝi povos liveri al ili. Plie nia asocio sufiĉe ofte deklaris sian pretecon pri rabatoj al societoj kiuj rekomendas UEA, pri komuna enkasigo, komuna membrokarto kaj similaj administraj plibonigoj.

### 4.) Principo de Kunlaboro

La kutimaj organizaj projektoj penadis konstrui internacian estraron kun ampleksa sistemo de elektoj kaj kompetentecoj. Malpli elokventaj la verkintoj estis pri la reala povo de tiu estrarego. Ĉiuj sciis ke la naciaj societoj ne favoras enmikson en siajn aferojn, kaj la pli inteligentaj antaŭvidis saman sintenon flanke de UEA. Kio do restas efektive al la estraro ? Elekti pliajn estrarojn kaj komisionojn, fiksi la lokon de la proksima kongreso, rekomendi al la societoj certajn propagandajn celojn aŭ procedojn, kaj disponi — jen la sola vera rajto — pri la modestaj propraj enspezoj. Tian registaron ni havis, kaj estonta — se oni ne volas detrui ĉiujn societojn — ne povos regadi pli multe. Ĝia sola povo estos doni instrukciojn al sia sekretario, kaj ĝia plia ebleco: konsili — aŭ enuigi — la kunlaborantojn. Tia registaro aŭ rigidiĝos en formalismo, aŭ, se ĝi estas energia, piedpremos fremdajn rajtojn.

Mi kredas neniel perfortigi la liberecon de la movado se por la malmultaj negocoj el centro farotaj mi proponas la Komitaton de UEA. Ĝi funkciigis jam de longe la uzeblajn internaciajn aranĝojn; ĝi estas elektata laŭ eble plej neŭtrala sistemo; kaj de tiuj personoj, kiuj per siaj kotizoj kaj laboro pruvis la emon al internacia agado. Se la nunaj kondukantoj ne plaĉus, oni povus organizi novelekton. La sistemo de UEA donas almenaŭ garantion de bonordo kaj de ne-emikso en fremdajn aferojn.

La kunlaboradon alcelitan mi do serĉas ne per registaro, sed per la *korporacia membreco*. Malsame al la ĝisnuna sistemo, partoprenu en la organizo ankaŭ la fakaj societoj el kiuj kelkaj estas gravaj por propagando en certaj rondoj, la Institutoj, Fondaĵoj k.t.p. La proponita Konsilantaro konsistanta el po unu reprezentanto de ĉiu societo, kaj pluraj po 500 membroj, kun reprezentantoj de UEA, laboros pli efike, espereble ankaŭ pli pace ol la ĝisnuna Ĝenerala Estraro. La forigo de troaj estraroj kaj de komplikaj akceptkondiĉoj malnecesigas koncernajn diskutojn. La voĉdonado estas plisimpligita, tiel restos unu sola temo, la centra temo por ni ĉiuj : « Kiel progresigi la movadon ! »

Por aranĝi la Kongresojn mi antaŭvidas specialan Komitaton de 5 personoj, tiom por la preparo, kiom por ke dum la kongreso funkciu sperta instanco por rapidaj decidoj kaj por glatigotaj malinterkonsentoj. La gvidanta estraro havas aliajn okupojn. Ĉu la Kongresa Komitato estos elektata rekte de UEA, aŭ de la tuta Konsilantaro, estas negrava. Mi ankaŭ dezirus ke la kongresoj fariĝu pli simplaj, laŭeble malpli multekostaj, kaj malpli administraj. Ni devus havi dum ĉiu kongreso unu praktikan, propagandan temon, kaj liveri al la gazetaro faktojn, aŭ minimume rezolucion konatigatan tra la mondo.

Utila estos Internacia Propaganda Fundo, kolektita el subvencioj, (anstataŭ la ĝisnunaj kotizoj), de la monhavaj societoj, donacoj, k.t.p. Ĝi subtenu propagandon en malriĉaj, aŭ malproksimaj landoj. Kiel decas, administru ĝin la donacantoj mem, ekzemple de la ĝisnuna administranto de Ko-Ro.

### 5.) Proponoj

UEA deklaras sin preta, zorgi por la ĝeneralaj interesoj de la movado.

UEA akceptas kiel korporaciaj membroj la memstarajn societojn esperantistajn, instituciojn kaj fondaĵojn kiuj tion deziras. Pri la akcepto decidas la Komisiono. Malakceptita societo rajtas apelacii al la Komitato en tempolino de unu monato.

La korporaciaj membroj pagas jaran kompenson de Fr. 12.50 por la enskribo en la Jarlibro, sed neniun kotizon. Ili nomigu membron de sia centra estraro kiel administra reprezentanto ĉe UEA. Ĉi tiu ĝuas, por la societo aŭ instituto, la personajn membrorajtojn laŭ art. 9 de la statuto[1], kaj rajtas uzi la servojn por la bezonoj de sia estraro. La anoj de tiuj societoj aŭ institutoj ne estas membroj de UEA, sed ĝi klopodas fari al ili rabatajn kondiĉojn.

UEA invitas al sia kongreso ĉiujn Samideanojn. El la kongresa procentaĵo ĝi dungas laŭeble specialan sekretarion por kongresaferoj kaj propagando. Parto de la procentaĵo iru al la Lingva Komitato.

Estas elektata Kongresa Komitato de kvin personoj, 3 kun trijara oficdaŭro kaj reelekteblaj, po unu kiel reprezentanto de la estinta kaj estonta kongresoj. Tiu komitato prizorgas, interkonsente kun la Loka Komitato, la kongresaranĝojn.

Dum ĉiu kongreso kunsidas la Ĝenerala Konsilantaro. Ĝi konsistas el la Komitato, la Ĉefdelegitoj aŭ iliaj reprezentantoj, la honoraj membroj kaj la Konsilantoj de UEA.

Konsilanto estas la kongresa reprezentanto de Korporacia Membro. Ĉiu societo aŭ instituto elektas unu; societoj kun minimume 500 plenpagantaj aktivaj membroj elektas duan, kaj pliajn po 500. La nomoj de la reprezentantoj estu konatigataj al la Internacia Esperanto Oficejo almenaŭ unu monaton antaŭ la kongreso.

Ŝanĝo de konsilantoj aŭ anstataŭado dum la daŭro de kongreso okazu nur pro gravaj motivoj.

La Ĝenerala Konsilantaro esploras la jarraporton pri la stato de la movado, konsideras proponojn pri disvastigo kaj utiligo de la lingvo, kaj starigas programon de laboroj kune entreprenataj. Ĝi decidas per plimulto de la ĉeestantoj en formo de deziresprimoj al la koncernaj societoj aŭ al la kongreso.

Por akceli la propagandon en landoj malriĉaj aŭ malproksimaj, estu kreata Internacia Propaganda Fundo. Ĝi konsistu el regulaj monsubtenoj kaj donacoj, kaj estu administrata de reprezentantoj de la ĉefaj oferintoj.

*
* *

La suprajn proponojn mi faras en bona konscienco kaj, kiel mi kredas esti pruvinta, per bonaj motivoj. Tre malagrable nur estas al mi ke, rekomendante sistemon de UEA, mi kvazaŭ rekomendas min mem. Tial mi deklaras nete ke, se mia persono montriĝas iamaniere malhelpo por akcepto de organizo simpla kaj efika, tiam mi estas tuj preta retiriĝi kaj ĝui ripozon.

Ed. STETTLER.

---

[1] 9. La membroj rajtas :

Elekti la Delegiton kaj Vicdelegiton; voĉdoni en la kunveno de sia loko kaj en kongresso de U E A; ĉeesti ĉiujn membro-kunvenojn aŭ manifestaciojn aranĝitajn sub la nomo de la Asocio;

Iniciati voĉdonon de la Delegitoj, partopreni je la ĝenerala skriba voĉdonado kaj plendi konforme al art. 59;

Ricevi membrokarton, la jarlibron kaj uzi la ĝeneralajn servojn. Subtenantaj kaj Honoraj membroj ricevas laŭeble pliajn presaĵojn.

# Esperantistaj problemoj

XIII

## La Cseh-metodo

Ofta aserto estas, ke oni facile lernas Esperanton, senpene kaj en daŭro de du ĝis tri monatoj. Esperanto ja prezentas malpli da komplikaĵoj ol iu nacia lingvo. Sed estas kaj restas eraro, tro akcenti tiun ĉi facilecon, kio ne respondas aŭ nur parte, al la faktoj. En la kutimaj kursoj la publiko estas varia, sekve la juĝo pri la kvalitoj de Esperanto estas malsama. Ekzistas en Esperantujo fervoraj samideanoj, kiuj post kelkdekjara partopreno en la movado kaj regula legado, ekzercado k.t.p. nek skribas, nek parolas korekte. La spertoj, kiujn faras oficejo esperantista pri tio, estas neforigebla pruvo. Tamen, tio ne parolas kontraŭ la lingvo mem. Ĝi parolas plej ofte kontraŭ la emo, prezenti la lingvon facile, sekve edukis pli malpli la homojn je certa malrespekto al gramatiko kaj vortaro.

Povas esti ke ankaŭ la lerniloj ne estas la plej taŭgaj, kvankam en la ĉefaj lingvoj ni hodiaŭ disponas pri tro multe da lernolibroj. (Ekzemple por germanoj kaj francoj jam aperis depost 1900 pli ol 300 malsamaj gramatikoj, el kiuj apenaŭ dekono estas hodiaŭ uzataj.)

### La Esperanto-kursoj

La strukturo de niaj kursoj restis la sama kiel antaŭ dudek jaroj. Aranĝo per loka grupo, aŭ de izola esperantisto, varbado ĝenerala, kurskotizo malalta, nenia aŭ tre modesta pago al la instruisto. La simptomoj restis ankaŭ la samaj: Komenco de kurso kun dudek personoj, fino kun dek, eble eĉ nur kvin. Tio estis tiel antaŭ dudek jaroj, ĝi estas tiel nun kaj estos tiel por ĉiam. La homan naturon oni nur malfacile ŝanĝas, se ne estas trovata eksterordinara rimedo, kateni la malpli konvinkitajn personojn, plus la malseriozulojn, kiuj pro momenta inklino aliĝis al la kurso, sed forkuras pro pli granda peno ol antaŭvidita. Oni diris, ke pagata kurso ne same spertas tiun ĉi malgrandiĝon de la kursanoj. Sed tio estas nur parte vera. Ankaŭ ni aldonu, ke ne ĉiuj kursoj havis kaj havas tian malbonan proporcion de finlernantoj. La kaŭzoj ja estas variaj. Forlasante personajn malinterkonsentojn aŭ disputojn, la ĉefa kaŭzo troviĝas en la ne tuja profitigo de la lernita lingvo, el la manko de devigo nepre fini la lernadon. Alia malpli grava estas tiu pri lernilo, instruisto, metodo. Ni vidu, ĉu oni povus ŝanĝi tiun staton per alia procedo, aŭ per alia metodo.

### Specialaj kursoj

La kurso de Esperanto kun miksita publiko do havas siajn gravajn mankojn, kion frue jam ekkonis la pioniroj. Oni propagandis kaj instruis do en certaj medioj kun publiko difinita. La spertoj estas jam pli bonaj kaj tiuj kursoj inter skoltoj, laboristoj, metiistoj, studentoj, ruĝkrucanoj k.t.p. superis laŭ efiko la ĝeneralajn. Ekaperis eĉ en iuj lingvoj lerniloj por tiuj specialaj rondoj, ja eĉ lernolibroj por klasbatalantoj kun tekstoj rilatantaj al la marksisma doktrino.

Tiuj kursoj en difinitaj rondoj certe restos daŭre. Atentinda estas la tendenco aperinta, disiĝi de la ĝenerala movado kio kondukas baldaŭ al aro da Esperanto-movadoj kun aparta karaktero.

### La instru-metodoj

Ĉiu metodo estas bona, se taŭgas la instruisto kaj la... lernantoj. Dependas ĉiam de la instruisto, per sia propra intuicio trovi la kontakton kun la lernantoj. En kurso de Esperanto kun miksita publiko tio estas ja ne tiom facila kaj ne estas sekreto, ke multaj kursoj malsukcesis nur pro tio, ke la gvidanto ne trovis tiun kontakton. Unu el la kritikoj kontraŭ la tradicia instruado de nia lingvo estas la troa atento donata al *naciaj* lingvoj. Esperanto, lingvo internacia, jam io alia ol nacia lingvo, devus havi apartan metodon. Kaj tiu ĉi metodo estas la rekta, t.e. la instruado okazas tuj en Esperanto mem, sen nacia lingvo. Nenio nova sub suno! La rekta metodo ekzistis antaŭ Andreo Cseh kaj aro da praktikaj lerniloj ekzistis ankaŭ por Esperanto laŭ rekta metodo. Ni povas diri eĉ, tre bonaj lerniloj, bazitaj sur spertoj akiritaj.

### Rekta metodo = Cseh-metodo

Kio diferencigas nun la du aplikojn de la sama procedo? Tio estas unue, ke la maniero de Cseh bazas sur du homaj ecoj: la amuzemo kaj la scivolemo. Vi ĉiuj, kiuj lernis lingvojn, memoras kun teruro la humormortigan kraniomarteladon de reguloj, vortoj, frazoj, esceptoj. Tion Cseh forigis. Leciono fariĝas horo de amuzado kaj de rido. Kial ne? La vivo jam estas sufiĉe malgaja kaj kiu kapablas pligrandigi momentojn agrablajn, meritas laŭdon.

La dua diferenco estas, ke en tia kurso la instruisto estas meze inter la kursanoj. Li ne estas la timinda maljunulo, grizbarba, suferanta pro malbona digesto. Ne. Freŝa, viva, iom infaneca, gaja kaj ludema, jen la aspekto de vera Cseh-instruisto.

### La efiko de la metodo

Nekontesteble estas, ke la klopodado de Cseh donis novan kaj freŝan impulson al la movado. Ĉie kie li estis kaj instruis, la movado kreskis. Efiko de jara agado de Cseh superis la kutiman agadon dum kvin aŭ eĉ pli da jaroj. Tion oni facile konstatas, komparante ciferojn de naciaj societoj en la landoj kie okazis tiaj kursoj. Ankaŭ aliaj organizaĵoj grupigis novajn anojn el tiuj kursoj, inter ili UEA. La librovendo, malgraŭ baroj kaj malhelpoj sentis tiun ĉi amas-instruadon per ioma kresko de debito.

### La kritikoj

Ĉiu progreso en la homa vivo elvokas entuziasmon ĉe unu kaj fortan malaprobon ĉe alia. La kritikoj kontraŭ la Cseh-kursoj estas trispecaj. Estas unue instruistoj profesiaj, kiuj sentas sin pli malpli ofendataj de certaj aspektoj de l'instruado, kiujn ili juĝas amatoraj kaj diletantaj. Pligravigas tiun juĝon la fakto, ke kelkaj personoj kiuj sekvis Cseh-kurson ne kapablis paroli, nur sciante aron da vortoj kaj kelkajn regulojn. La dua kritiko venas de la eldonistoj de lernolibroj. La ne-uzo de lerniloj, la forte akcentata fakto, ke instruado okazas sen libroj, ja maltrankviligas la eldoniston. Ni ekzamenu objektive ĝis kia grado tiuj plendoj estas pravaj kaj pravigeblaj.

Aliaj ankaŭ kritikas la preskaŭ blindan fervoron de kursanoj por Andreo Cseh kaj liaj instruistoj. Nu, se homoj kapablas veki tian fervoron por nia afero, tiam oni ne plendu. En Bern, kie la loĝantaro estas ekstreme sobra, ni spertis, ke aferistoj kaj praktikuloj de l'taga vivo, avide sekvis

la instruadon kaj bedaŭregis ke ĝi finis. Se tion kapablas Cseh, tiam ni devus nur deziri, ke ekzistu cento, similaj al li, kaj Esperanto ne almozpetus ĉe pordo de aŭtoritatoj por esti enlasata.

Ke forlasas Cseh-kurson homoj, kiuj ne posedas la lingvon, kiuj balbutas kaj malbone komprenis regulon, ne estas trajto speciala de la rekta metodo. Memoru ke en ĉiu kurso kaj en kia ajn lingvo, la rezultatoj estas malsamaj. Esperanto ja ne faras escepton kaj en la kutimaj kursoj por nia lingvo la proporcio de spertaj lernintoj certe ne estis pli alta ol en Cseh-kurso. Ni havis okazon konstati la du efikojn : Bonega sukceso ĉe multaj, nesufiĉa scio ĉe kelkaj.

### Defendo de la metodo

Senpartia juĝanto konfesas, ke studo per rido entuziasmigas. La komuna ripeto de leciono forigas ĉe iuj (kaj ili ne estas malmultaj) tiun naturan ĝenon de plenkreska persono refariĝinta lernanto. Certe troeco malutilas. Sed la kreskanta sperto de instruisto laŭ Cseh-metodo trovos facile la limon.

Pli grava estas la plendo de la libristoj. Sed estas neverŝajna, ke hodiaŭ aŭ morgaŭ la tuta mondo instruos sen lernolibroj. Apud la Cseh-kursoj, kiuj celas la amason, restos por ĉiam la kutimaj kursoj. Estas eĉ certa, ke la perdo, rezultiĝanta el nevendo de lernolibroj egaliĝas per kresko de vendo de literaturo.

El la bilanco de la Sveda E-Federacio vidiĝas ke post la Cseh-kursoj la vendo de libroj multobliĝis.

La tria plendo, kiun iuj povus atribui al la metodo (studo per rido) oni povas kontraŭargumenti facile per la fakto, ke eĉ la plej bona metodo ne povas ion ŝanĝi, se lernanto konsideras instruadon kiel *tempo-pasigilon*.

### La fino de Cseh-kurso

En la plimulto de la kursoj laŭ Cseh oni povis konstati, ke la nombro de anoj kreskis ĝis la fino. La demando nun estas, ĉu la organizaĵoj lokaj kaj naciaj gajnis efektive kaj gajnis pli multe proporcie ol ĉe kutimaj kursoj. Ni opinias, ke jes. Tamen ni ankaŭ konstatis, ke pro manko de taŭga interveno de lokaj grupoj, la manko de atento post la kurso kontraŭ la Cseh-kursanoj kulpas, ke tiu ĉi proporcio de novaj grupanoj ne estas pli alta. Tio certe ne estas kulpo de la metodo, sed de la lokaj gvidantoj de nia afero. Iuj diras, ke kiam la influo de Cseh aŭ de Cseh-instruisto estas for, disfalas la anaro. Estas do tasko de la grupoj, trovi rimedon por konservi la kursanojn (amuzaj grupvesperoj, imito de Cseh-kurso por pliperfektigi k.t.p.)

### Resumo

Rigardante la tutan problemon de supre, juĝante nur laŭ la faktoj kaj komparante objektive, oni devas konkludi favore je la maniero de instruado laŭ Cseh. Kie estas mankoj, la gvidantoj de la Instituto trovos certe plibonigon, kie tio estas ebla. Sed necesas ankaŭ, ke oni diru klare kaj nete ke la iniciato de Andreo Cseh donis novan sangon al la movado. Malgraŭ tre malfavoraj kondiĉoj, li multe helpis, ke la stagno malaperis kaj nova vivo ekfloris.

(H. J.).

## Carl Walter : Gaja lernolibro

Al S-ro Walter ni jam dankas la « gajajn horojn kaj gajajn vesperojn.» Ambaŭ libroj multe utilis iniciati agrablajn grupkunvenojn. Ili havas la preferecon diferenciĝi de la amaso de eldonitaj esperantaĵoj pro precipa maniero ilia.

La samo distingas la nunan ilustritan libron kiu laŭ desegnaĵoj (120), kiel ankaŭ laŭ enhavo, impresos la infanojn — la malgrandajn — kaj la plenkreskintajn.

Kiam Andreo Ĉe per sia « *rekta metodo sen libro* » ekvenkis la instruadon, multaj multaj homoj havis la senton ke li forprenis de ili la ne ankoraŭ finkovitan ovon. Ili ja ĉiuj estis hejmecaj en tiu nova — aŭ laŭ diro ne nova metodo kaj kiu ne malaprobis ĝin, tiu ŝajne havis la saman ideon jam depost longe. Li eĉ instruis laŭ sama maniero jam antaŭ 20 jaroj ktp. ktp.

La kritikantoj tute ne scias, kian aprobon ili per tio al Ĉe esprimis. Estis la ovo de Kolumbo, io memkomprenebla, simpla, ĉiu perceptis kaj trovis en si mem la eĥon de ĝi — tial la « *bona konatulo* » — tial la pruvo ke la ideo detale ellaborita estis vere taŭga — bonega.

Spite de la boneco de la Ĉe-metodo, ĝi ne sufiĉas al infanoj. Ĉiu pedagogo spertis ke infano — kaj multaj ne plu infanaĝaj infanoj, devas ion vidi, konservi, relegi. Ili ne povas rapide de la granda tabulo kopii la freŝe donitan kaj kaptitan — sed ne ankoraŭ plene perceptitan.

Tiun mankon forigis Walter. Ĉu la vorto klarigas la bildon — ĉu la bildo la vorton — tion mi tute ne volas decidi. Estas tutaĵo el ambaŭ. Jam la ekstera kliŝo kaptas nin. Kio do funelo ? Funelo en la cerbon ? Jes vere ! La enhavo jesas tiun demandon.

Simplaj vortoj sen klarigo, simpla bildo sen priskribo, devige kondukas nin al kompreno. Volonte ni scivoleme sekvas tiun ne videblan gvidadon kaj miras ke ni amuziĝante survoje jam multon lernis.

Kuraĝe oni povas profeti ke tiu libro havos pli da eldonoj kaj tio estas bona. Ĝi ne estas perfekta, ne senerara, sed kion signifas kelkaj eraroj kontraŭ la fundamenta nova vere taŭga aranĝo kiu ebligas ĝustatempe, ĝustakvante, sinsekve, iri el simpla vorto al frazo, el tiu al gramatiko? Ĝi instruas per montro kiel la instruisto per klarigo.

Krom la libroj de Benson mi ne konas ian similan lernolibron. Post traduko de la alfabeto en 3 lingvoj sufiĉas Esperanto. Gaja lernolibro same taŭgas esti uzata en lernejoj, en kursoj kiel ankaŭ por memlernado. Duboj pro desegnaĵoj kiuj estas same gajaj kiel klaraj ne povas ekesti.

Ne nur la sistemo, la instrua aranĝo, estas nova, sed ankaŭ la tekniko. Niaj novuloj hezitas elspezi du frankojn por lernolibro ne sciante ĉu ili vere finstudos ĝin. Tial estas dankinde ke Walter permesas gustumi de la ridiganta vino *seponon* de la libro. Gustos al vi la trunko, tiam prenu la duan, trian seponon ĝis fino. Oni riskas unue nur 30 centimojn, tio instigas provi, komenci !

Naĝu do gajiga instruilo kaj alportu al ni same multajn novajn adeptojn kiel la apostoloj el Arnhem. *Amoelo.*

# Ĉinaj polic-oficiroj lernas Esperanto'n



Ĉinaj policoficiroj, kiuj restas dum du jaroj en Wien, por studi la instalaĵojn ĉe la Wien-a Policdirekcio, lernas kune kun policoficistoj aŭstriaj Esperanton en la polic-lernejo. Instruas tie jam de 4 jaroj Reg. Kons. Steiner, Prez. de Internacia Esperanto-Muzeo en Wien.

## Portugala kroniko

*Coimbra.* — « Gazeta de Coimbra » de la 27-a Decembro lasta montras dukolonon artikolon de S-ro Francisco dos Reis pri « Zamenhof ». La verkinto priskribas la vivon de la majstro kaj instigas la junularon, interesiĝi pri E.
Doktorino Silvina Ribeiro akceptis la Vicdelegitecon de UEA en la universitata urbo. Oni esperas el ŝia vigla laboro altan sukceson.

*Funchal-Madeira.* — La movado estas puŝata de samideanoj Antonio Caires, Gouveia kaj aliaj. S-ro Caires skribis bonegan raporton pri Esperanto kaj la nepra neceso sendi al la proksima ĵamboreo en Gödölö, grandan nombron da Esp. portugalaj skoltoj. S-ro Caires estas la direktoro de la skolta ĵurnalo « Alerta.»

*Lisboa.* — Iom post iom la nombro de aliĝoj al UEA kreskas. Tial ke pro manko de konvena sidejo, la Nacia Asocio haltigis sian laboron provizore, ĉiuj klopodoj sin klinas al la pligrandigo kaj inteliganta disvolviĝo de Portugala teritorio de UEA. Tuj kiam tiu nombro atingu la kvincenton, l aPortugala samideanaro posedos tiam bonan fortan bazon por kune kun UEA starigi sur rokaj fundamentoj sian Portugalan Esperantan-Asocion. Jen resumo de granda programo, kiu nur atendas la bonvolon de tiuj kiuj pensas ke Esperanto estas necesa, de tiuj kiuj deziras ke Portugalujo brilu en nia internacia afero.
La ĵurnalo « A Vida Social » per konstanta rubriko propagandas Esperanton. Ĝia klera direktoro, s-ro Mariano Pereira, embarasis la ideon, foje donante tutan paĝon al la helpa lingvo, kiu estas grandege manumata de samideanoj Irmundo Barros kaj José Vincente junior. Ni konsilas la abonon de tiu gazeto, kiu tiel sincere nin helpas (Adr.: Rua da Costa, 75, Lisboa(.
La laboristaj asocioj, kiuj pli vigle laboras nun estas : Nova Vojo, Ligo de l'Okcidentaj Esperantistoj kaj Antaŭen. En ĉiuj funkcias kursoj, veraj fabrikoj de sentemaj samideanoj.
Parceria Antonio Maria Pereira (Adr.: Rua Augusta, 44 a 54, Lisboa) estas librejo, la nura en la urbo, kiu en bona montro-fenestro konstante propagandas per prezentado de libroj, esperantaĵoj ktp. La Esperanta fako konstante pligrandiĝas, kio montras la kreskantan intereson. Petu katalogon.
Bonvolu la Delegitoj de UEA en Portugalujo sendi al la ĉefdelegito Adr.: Avenida Duque de Loulé, 50, 3º , Lisboa) raporteton pri la nuna stato de la movado en siaj regionoj kaj liston de la nomoj de personoj, kiuj simpatias la movadon kaj eble hodiaŭ aŭ morgaŭ aliĝos al UEA.

*Porto.* — Tiu ĉi urbo, la unua kiu propagandiĝis en Portugalujo nian ideon kaj de longe silentis pri Esperanto, vekiĝas kaj promesas per bonaj aliĝoj al UEA eniri baldaŭ entuziasme en nian movadon. La ĉefdelegito de Portugala Teritorio (Adr.: Avenida Duque de Loulé, 50-3º- Lisboa) plezure donos kaj ricivos kunhelpon. Skribu al li.

*Vale de Figueira de Ribatejo.* — La animo de Esperanto en tiu ĉi loko sukcesis malfermi Esp. grupon, kiu montras sian viglecon. S-ro Antonio Barata estas la Delegito de UEA kaj ne forlasas momenton por propagandi la ideon.

# Lingvaj studoj

Iom da statistiko kalkulita el « Hura » de Baghy. « Hura » enhavas ĉirkaŭ 120.000 vortojn kaj 411 paĝojn. Kalkulo de Fenton Stancliff, Akron Ohio, Usono. Delegito 37673.

*Korelativoj*

| | |
|---|---|
| tiu | 906 |
| kiu | 547 |
| tio | 483 |
| kiel | 450 |
| kio | 309 |
| tiel | 257 |
| iom | 183 |
| kiam | 182 |
| tia | 151 |
| tie | 140 |
| ĉiu | 132 |
| ĉio | 126 |
| tiam | 120 |
| iu | 113 |
| kial | 104 |
| kie | 102 |
| neniam | 84 |
| io | 83 |
| ĉiam | 76 |
| nenio | 71 |
| neniu | 46 |
| kia | 46 |
| kies | 45 |
| ia | 44 |
| tiom | 41 |
| iam | 36 |
| kiom | 29 |
| neniel | 17 |
| ties | 15 |
| nenia | 14 |
| tial | 13 |
| ie | 7 |
| ĉia | 4 |
| iel | 2 |
| ĉie | 1 |
| neniom | 1 |
| ĉiel | 0 |
| ĉial | 0 |
| ĉies | 0 |
| ĉiom | 0 |
| ial | 0 |
| ies | 0 |
| nenies | 0 |
| nenie | 0 |
| nenial | 0 |

*Prepoziciprefiksoj*

| | |
|---|---|
| sen | 328 |
| al | 179 |
| pri | 176 |
| en | 173 |
| el | 141 |
| trans | 109 |
| sub | 79 |
| inter | 68 |
| post | 61 |
| antaŭ | 50 |
| laŭ | 39 |
| ekster | 37 |
| de | 37 |
| kun | 32 |
| kontraŭ | 32 |
| per | 29 |
| super | 27 |
| cirkaŭ | 26 |
| sur | 23 |
| ĉe | 23 |
| tra | 22 |
| ĝis | 18 |
| dum | 14 |
| preter | 11 |
| anstataŭ | 11 |
| por | 3 |
| apud | 3 |
| da | 0 |
| je | 0 |
| krom | 5 |
| pro | 0 |
| malgraŭ | 0 |
| depost | 0 |
| malantaŭ | 0 |
| po | 0 |

*Korelativafiksoj*

| | |
|---|---|
| ĉiu | 19 |
| iom | 16 |
| ia | 14 |
| tia | 13 |
| neni- | 5 |
| ĉia | 5 |
| ĉiam | 4 |
| kiom | 2 |
| tiu | 10 |
| iam | 1 |
| tie | 1 |
| kiel | 1 |
| kia | 1 |
| ĉies | 1 |

*Prefiksoj*

| | |
|---|---|
| mal | 983 |
| re | 371 |
| ek | 364 |
| ne | 259 |
| ĉef | 95 |
| ge | 88 |
| dis | 44 |
| bo | 32 |
| mis | 23 |
| pra | 11 |
| eks | 8 |

*Sufiksoj.*

| | |
|---|---|
| iĝ | 1170 |
| in | 1059 |
| ig | 871 |
| ad | 705 |
| ec | 555 |
| ist | 416 |
| et | 409 |
| ul | 376 |
| aĵ | 375 |
| ebl | 266 |
| ar | 230 |
| eg | 201 |
| an | 193 |
| em | 161 |
| ej | 155 |
| ind | 144 |
| um | 134 |
| il | 117 |
| on | 48 |
| uj | 38 |
| ism | 37 |
| id | 33 |
| aĉ | 13 |
| obl | 10 |
| er | 10 |
| end | 6 |
| op | 4 |
| oz | 0 |

*Participoj.*

| | |
|---|---|
| ant | 938 |
| it | 866 |
| int | 348 |
| at | 264 |
| ont | 48 |
| ot | 12 |

*Pripensindaj punktoj.*

1. La ofteco de la korelativoj montras psikologian karakteron de la sintezeco mensa pensaro de la verkisto.

2. Instruisto scius pro la kalkulo, vere kian kaj kiun korelativon unue instrui.

3. Proporcio de la afiksoj montras klare kiom da novaj vortoj estas senutila en Esperanto. Sen tiuj afiksoj nepre necesus pli da novaj radikoj !

Ni ricevis jenan leteron :

Ĉi-sendite bonvolu trovi statistikan liston pri la korelativaj vortoj, la sufiksoj, la prefiksoj, la participoj, la prepoziciprefiksoj, kaj la korelativafiksoj. Bonvolu noti zorge ke la prepoziciprefiksoj estas prepozicioj uzitaj kiel sufiksoj kaj ne memstara prepozicioj. La korelativafiksoj estus ekzemple : *tia*maniere, iomete. Tiu kalkulado devigis min trarigardi pli ol 15.000 liniojn, kaj ofte estas tri aŭ kvar en unu linio kalkulotaj.

*Estas serioza eraro en tiu superskribo supre de la prepozicioj sur paĝo* 169 *en « Esperanto » por novembro.* La listo donita tie estas nur de prepoziciprefiksoj, kaj ne puraj prepozicioj kiel oni tie presis. Bonvolu enmeti korektigan noton por ke instruistoj ne konfuziĝu pri ĝi, kaj eble opinii min kiel *blufulo.* Mi esperas ke la eraro ne estas la mia. Oni facile scius ke ekzistas pli ol unu prepozicio « Je » en tiu libro. Fakte estas 64 da ili laŭalia kalkulado mia.

Mi entreprenos la Zamenhof-an Verkaron baldaŭ por kompleta statistikaro Feliĉan Kristnaskon.

Tute la via

Fenton Stancliff

# Ĉinaj proverboj

*La melonvendisto parolas pri dolĉeco de siaj melonoj, la vinvendisto pri bonodoro de sia vino.*

*Esplorebla estas la ĉielo kaj mezurebla la tero, nur homa koro estas nekonebla.*

*Bona amiko estas pli bona ol parenco plej proksima.*

*Grandan bonon faras eta helpo.*

*Hejme oni dependas de siaj gepatroj; for de la hejmo — de amikoj.*

*Pli facile estas kapti ol liberigi tigron.*

*Faru vian eblon kiel homo kaj la ceteron lasu al la ĉiela ordono.*

*La homa vivo estas kiel rapida ĉevalo fendon preterpasanta.*

*Multe da infanoj — multe da zorgoj.*

*Bone properas ĉio, kiam en familio regas harmonio.*

*Akvo disverŝita estas malfacile rekolektebla.*

*Inter dek aferoj en la mondo ofte ok ĝis naŭ malkontentigas.*

*Pli bone estas vidi homon ol aŭdi pri lia bonfamo.*

*Kiam perdiĝis la lipoj, tiam malvarmon sentas la dentoj. (Tio signifas, ke la perdo de unu el tiuj, kiuj dependas unu de la alia, metos la alian en malfeliĉon kaj mizeron).*

*Kiam sur monto ne estas tigro, la simio proklamas sin reĝo.*

*Pli facile estas iri de ŝparemo al ŝparemo ol male.*

*Du granduloj ne povas stari flankon ĉe flanko.*

*Najbaro proksima estas pli bona ol parenco malproksima.*

*Paroli multe ne estas preferinde ol paroli malmulte; paroli malmulte ne estas preferinde al paroli bone.*

*Kun ĝentileco oni povas vojaĝi tutan mondon; sen ĝi — apenaŭ fari unu paŝon.*

Trad. Fontsuno Ĉaj.

# Literaturo

## Littoria

De Jos. GANTNER.

La deziro en ĉiuj landoj sendependiĝi de aliaj landoj, se ne tute almenaŭ parte de la enporto de nutrajoj kaj krudmaterialoj, kondukis al la sistema plibonigo de la hejma tero, aŭ al la interna koloniigado. Ĉie ekzistas terpecoj neuzitaj, marĉoj, sablo-ebenajoj aŭ sabliĝantaj mar-golfoj. Tute alian aspekton nun akiris tiu ĉi interna koloniigado pro la neceso okupigi centmilojn la senlaboruloj. Grandiozaj estas la provoj de la germanoj krei proksime de industriaj centroj tiajn koloniojn, kio en certa senco estas nenio alia, ol ligi la industrian laboriston al la tero. La nuna artikolo priskribas en libera formo la aperon de nova urbo en Italujo, kie ekzistas la premisoj komence aluditaj. En sekvantaj artikoloj ni intencas informi pri la kolosaj laboroj nederlandaj, la sekigo de la Suda Maro kaj pri la interna koloniigado germana.

Littoria, tiu ĉi plej juna urba itala fondajo de la faŝisma reĝimo, distingiĝas en la historio de la moderna urbkonstruado malpli pro ĝia laŭplana kreado ol per ĝia ekonomipolitika organizo. Ĝi troviĝas sur antikva tero kultura, meze en la teritorio de la Pontinaj marĉoj, duonvoje inter Velletri kaj Terracina, ĉirkaŭ ses kilometrojn sude de la fama Via Appia. Stranga sorto pendas dum 2000 jaroj super tiu ĉi regiono, loko de historiaj sonĝoj, iam floranta lando de la volskoj kun 24 civitoj, detruitaj de la romanoj, malrapide transformiĝinta en marĉoj kaj ĝis nun spitinta ĉiujn provojn de kulturigado. Grandioza dezerto, kaptige priskribita de Gregorovius, evitita de ĉiuj turistoj kiel ankaŭ de la loĝantoj de apudaj regionoj, arbara kaj marĉa, tiel aspektis tiu ĉi regiono en la konscio de la homoj.

Sur tiu ĉi tero nun, la « *Bonifica integrale*[1] » povis festi veran triumfon. Je la 18-a de Decembro 1932, Littoria estis oficiale baptita de la « Duce », dum Aprilo 1934 sekvos dua urbo, *Sabaudia* kaj dum Oktobro 1935 la tria, *Pontinia*.

Kontraŭe al la rusaj novfondaĵoj kaj malsama al la tipo uzita por la germana oriento, *Littoria* estas pura kampara urbo aŭ urbo de kamparanoj. Ĝiaj loĝantoj, kies alvenon ĉe la nova stacidomo pentrinde priskribis la itala gazetaro dum Decembro pasinta, estas plejparte eksmilitistoj el la venecia kaj romana provincoj, tielnomataj *braccianti*, taglaboristoj *sen* propra terposedo en la antaŭa hejmlando. Por ili la Ligo de la Militpartoprenintoj rezervigis 10.000 hektarojn da tereno, koloniigita dum la lastaj jaroj per kanaloj kaj stratoj. Tiu ĉi tereno estas nun transdonata al ili po 20 hektaroj. Sur ĉiu tia « Podere » troviĝas domo. La koloniisto ricevas ĝin kun la tereno komence kiel pruntaĵo sub certaj kondiĉoj, plie la necesajn kampkulturajn maŝinojn, semaĵaron, bestaron kaj la nutraĵojn por la unua tempo. Li devigas sin planti fiksitan kvanton de produktaĵoj kaj liveri 50-70% de la rikolto al la Ligo de la Militpartoprenintoj, kiu gvidas la tutan entreprenon. Post serio da jaroj la « Podere » transiras en la senkondiĉan propraĵon de la koloniisto.

La koloniistoj do ne loĝas en la urbo, sed en iliaj kampdomoj proksime de la urbo. En la urbo kontraŭe troviĝas ĉio, kio servas al la komuneco : La administrado, la preĝejo, lernejo, metiistoj, hospitalo, plezurejoj, sportejo k.t.p. Normale la koloniisto venas al la urbo sabaton kaj dimanĉon. La loĝantaro de la nova urbo do nur nombris ĉirkaŭ 600 je la tago de ĝia oficiala ekzisto, sed ĝi servas kiel centro nuntempe al 5.000 personoj loĝantaj disigite, nombro kreskonta dum la sekvontaj jaroj ĝis 30.000.

Se oni kunkalkulas la tutan regionon mem, tiam Littoria prezentiĝas efektive kiel la intera formo de urbo kaj vilaĝo, formo tiom diskutita en la krizosuferantaj landoj.

La konstruoplano de la nova urbo sekvas la ekzemplojn de la itala renesanco. Ĝi estas stelforme planita. De rektangula placo en la mezo, sur kiu troviĝas la urbodomo, la poŝtoficejo, hotelo, kinoteatro kaj la *Casa del Fascio* disradias ses stratoj kun arboj, kiuj survoje renkontiĝas pli malgrandajn placojn kun publikaj domoj : Preĝejo, sportplaco, malsanulejo, vendoplaco, lernejo kaj kazerno. La sektoroj, kiuj tiel ekestiĝas estas tranĉataj de kvin stratoj, proksimume koncentre al la ĉefplaco kaj inter si mem. La arkitekto Oriolo Frezzoti kreis tiel urbon, kiu memorigas laŭ la plano al la malnova venecia limfortikaĵo Palmanova (1593) aŭ al la sicilia Grammichele (1693), sed sen la arkitekta reguleco de tiuj lokoj, kvazaŭ disciplinitaj plane pro la fortikaĵmuroj.

Kio jam staras de publikaj domoj en Littoria, sin tenas fidele laŭ juĝo de turistoj, al la intermikso de elementoj en la renesanco kaj baroko, tiom preferata de la oficiala arkitekturo de la faŝisma epoko kaj nun troviĝanta ankaŭ esprimon en la urba konstruado.

(Trad. *Georg Agricola*).

## Homo

Originalo de J. Reisinger.

*Memplaĉe staras homo kun fiero,*
*Sur evolua ŝtupo altmajesta.*
*Imagas esti sola li sur tero*
*Kun povo de parol' kaj lingvo gesta.*

*Sed laŭ deveno sia, li en vero,*
*Kondutas ofte eĉ sub faro besta,*
*Forgesas esti nura ter-polvero,*
*Naskiĝas — kiel besto — li senvesta.*

*Ja far' de li ne estas sen eraro,*
*Sed dotis lin natur' de sana menso,*
*Por vivi vivon de estaĵ' racia.*

*Fariĝu vivo lia harmonia !*
*Kaj agu noble li, en nobla penso !*
*Ho estu, homo, inda al homaro !*

[1] **Bonifica integrale : Aro de inĝenieraj kaj agrikulturaj laboroj celantaj igi taŭga por intensa kulturado, difinitan regionon, forigante ĝian malsanecon kaj ebligante revenon de kamparana loĝantaro, per reguligado de akvoj, konstruo de kanaloj, vojoj, fabrikejoj, vilaĝoj, farmodomoj.**

# Teknokratio

Estas nova « religio », nova vorto kiu, de kelkaj monatoj altrudiĝis kaj disvastiĝis plej amplekse. Ĉie oni ĝin priparolas : la grandaj gazetistoj ĝin kaptis kaj identigis kun la tuto de la usona publiko. Forlasitaj la Kvinjara plano kaj la ludo de Mah-jong !

Unue ĝi servas por difini grupeton de homoj, inĝenieroj kaj arkitektoj, priokupataj en aplikado de certaj metodoj al ili propraj. Oni ĝin uzas ankaŭ por nomi la filosofiajn ideojn, dismontrataj de tiu grupo. Fine ĝi reprezentas idealan socian staton; samkiel *demokratio* estas regadpovo de la popolo, *aristokratio*, tiu de la plej taŭgaj, *aŭtokratio*, tiu de individuo kiu ĝin tenas de si mem, *teknokratio* estas « la regado de teknologo, aŭ per teknologio ; oni ne scias tre precize, kiu el la du ».

La iniciatoro kaj ĉefa persono en la grupo de la teknokratoj estas la usona inĝeniero Howard Scott, doktoro pri civila pionirado ĉe la Universitato de Berlin. Post plurjara aventura vivo, li komencis en 1921, propagandi siajn ideojn kun memfido kaj impeto, kaj kunigi adeptojn, ĉirkaŭ Greenwich Village (Manhattan). La organizo de esploroj fondita de li nomiĝis « Teknika kunligo ». Ĝia programo konsistis el libera pridiskuto de la sociaj kondiĉoj naskitaj en la maŝina epoko, registrado de informoj el pluraj strategiaj lokoj en la diversaj industrioj, en la momento kiam la regadpovo de l' « businessman » ruiniĝante en konfuzon, cedus sian lokon al tiu de l'inĝeniero aganta kun la laborista mondo.

Sed la kapitalisma sistemo firme staris, prospero ne ĉesis kreski, kaj la unua grupo de teknokratoj disiĝis. Sole Howard Scott plue konigis sian vidpunkton inter la Novjorkanoj. La ekonomia malaltiĝo favoris lin per novaj adeptoj. Antaŭ du jaroj, profesoro de civila pionirado en Columbia lin venigis en la tiean universitaton kaj donis al li la eblecon esprimi siajn ideojn. La disĉiplaro kreskis, kaj la vorto, kun la formuloj kaj doktrinoj de la fondinto, akiris iom post iom la famon, kiun ĝi profitas nuntempe.

Tiu doktrino, prezentita de Scott kaj liaj amikoj kiel profunda kaj kompleta novaĵo estis fakte simpla, facile komprenebla por meza intelekto. Kaj alloga estis la rezultato de la demonstracio : ja temis pri restarigo de tutmonda ekvilibro per ĝusta pesilo.

La unua punkto, kiun evidentigas la teknokratoj, estas la miriga *kreskado de la produktiveco* dank'al evoluo de la teknika progreso. Ili simple lumigis tiun konatan fakton helpe de rimarkindaj ekzemploj. La okhora labortago kaj la kvardekhora semajno jam aperas kiel pasintaj postuloj. La inĝenieroj kaj statistikistoj teknokrataj asertas, ke « 660 laborhoroj pojare, por homoj 25 ĝis 45 jaraj, sufiĉos por provizi la tutan terloĝantaron je vivnivelo dekoble pli alta ol tiu de la jaro 1929.»

La teknokratoj ŝajnas forgesi ke nuntempe, malgraŭ la krizo, oni laboras meznombre pli ol 660 horojn jare kaj ke tamen la vivnivelo iĝis multe pli malalta ol tiu de la jaro 1929. Iliaj ciferoj estas fantaziaj.

Duaorde la teknokratoj insistas pri la fakto ke la rapideco de l'evoluo ĉe la tekniko kreas senlaborecon. Ideo tiel malnova kiel la maŝinismo kaj senĉese refutata de la faktoj. Kiel Marks, Scott formulas konceptojn profunde materialismajn.

Aliflanke, progresoj ĉe la tekniko renversos la sistemon de la prezoj. La teknokratoj rimarkigas la gravecon de la ŝulda problemo, en kriza periodo, kaj la nesufiĉan taŭgecon de l'mono kiel valormezuro. Ili intencas substitui novan valorunuon bazitan sur la konsumado de energio. Pri la mono kiel interŝanĝilo, Howard Scott, proponis ĝin anstataŭi ĝin per asignoj aŭ atestoj, valorantaj certan nombron de energi-unuoj, individuaj, necedeblaj kaj uzeblaj nur dum monato aŭ jaro. La disdonita aĉetpovo estos proporcia je la produktitaj varoj. Neniu povos disponigi monon rentocele. Prezoj estos fiksataj al la nombro de energiunuoj utiligitaj en fabrikado kaj distribuado de la produktita varo.

Plie, evidentiĝas neevitebla falo de la aktuala prezosistemo. Kapitalismo igas ja tro ekstremajn statoŝanĝojn, kiuj sekve malutilas kaj enhavas ĝermon de fino. Fine « studo pri energio » de la nordamerika kontinento, Eŭropo kaj Azio farita de la teknokratoj, montras ke Ameriko posedas sufiĉajn rimedojn por tre alta vivnivelo, Eŭropo estas iom malpli favorita, Ĉinujo multe malpli. Britlando estas kondamnita je malprospero, pro elĉerpiĝo de siaj ĉefaj riĉaĵoj kaj kresko de loĝantaro.

Kion konkludi el tiu doktrino ? sin demandas la korespondanto de *Bulletin Quotidien*, kies artikolon ni resumas. Kion pensas pri ĝi la usonanoj ? Ĉu estas, laŭ titolo de artikolo en *New Republic*, « bona medikamento aŭ fabelo por dormigi infanojn » ?

*La unua propono esprimita de la teknokratoj ĝenerale akceptiĝas. Tamen la atentindaj ekzemploj, kiujn ili elektis por impresi la grandan publikon indas esence je kritiko... Eble Scott volas aludi pri la ebloj de produktiveco, bazantaj sur la plej taŭgaj uzitaj proceduj, anstataŭ pri aktuala produktiveco. Sed oni eniras la kampon de fantazio. La dua aserto estas pli vigle kontraŭstarata. Ĝia nevereco evidentas. Ne estas maŝinismo, kiel montras Van Deventer, kiu naskis senlaborecon kaj financan malaltiĝon. Dum ĉirkaŭ 200 jaroj, maŝino kontribuis al publika riĉiĝo. Estus stulte anonci, laŭbaze de trijara krizo, ke maŝino subite iĝis detruanto de l'homaro.* (New York Times).

Pluraj kritikoj, flanke de ekonomiistoj kaj negoculoj atakas la parton speciale ekonomian kaj monan de la teknokrata plano. La teknokratoj ignoras la realan kreskadon de l' laborista loĝantaro, la novajn okupojn kreatajn de la novaj industrioj, la eblecon de evoluo en la landoj neprovizitaj ; ili malprave kredas, ke oni povas kontroli la homan naturon, kiel ili tion projektas. La plano de Scott prezentas mankojn propraj al ĉiuj socialismaj sistemoj.

Tamen, la movado kaj pridiskuto de la teknokrataj ideoj ne restas absolute senutilaj, laŭ opinio eĉ de la plej akraj kritikintoj. Multaj el ili opinias, ke teknokratio atentigas la publikon pri stato ege serioza, kiu, se oni deziras trovi rimedon al ĝi, postulas ĉiujn energiojn. James D. Mooney, prezidanto de la General Motors Export Corporation, deklaris, per informo el United Press, ke la profetaĵoj de l'teknokratoj povus esti pravaj, se oni ne alportas urĝan solvon al tuta serio de problemoj, inter kiuj staras unuavice tiu de la prezoj kaj de la unuflanka deflacio, pro kio ni suferas nuntempe.

El « *Journal de Genève* » trad. H. V.

# La Bahrein-insulo

Bahrein, skribita ankaŭ Bahrain, kio signifas « Du Maroj » estas insulo en la persa golfo. Surfaco : 552 km², aŭ 213 anglaj kvadratmejloj. Loĝantaro : 120.000 , araboj, eble 10% negroj. Religioj : Malekitaj sunitoj (60.000) kaj ŝiitoj (40.000) Lingvoj : Araba ; negoca lingvo ankaŭ la persa. Ĉefloko : Menama. Brita protekto depost 1861 sub regado de politika residento en Buŝir.

*Riĉaj oleotrovoj.*

Se oni veturas per vaporŝipo de Basra tra la Persa Golfo al Bombay, la insulo Bahrein estas la plej proksima stacio post Buŝir. Ĉi tiu insulo estas la plej granda el la kvin insuloj de la arkipelo kaj ne tro alloga por la alvenanto. Jam la klimato, kiu estas unu el la plej varmaj de la tero, ne tre instigas la vojaĝanton ekskursi sur la insulo, sur kiu preskaŭ neniam pluvas. Sed tamen la insuloj, almenaŭ la plej granda, multe sin distingas de la dezertaj pejzaĝoj araba kaj persa. Akvoriĉaj fontoj ebligas artefaritan kampakvumadon de bonflegitaj fruktokulturoj (daktiloj, migdaloj, granatoj, vinberoj, figoj, greno). La indiĝenoj, kiuj estas preskaŭ nur araboj aspektas tre sanaj. Ili vivas, kompare kun orientaraba situacio en relativa abundeco kaj iliaj vivformoj estas videble influataj de persa kaj hinda kulturoj. La urboj aspektas puraj kaj la domoj montras pli grandan bonstaton ol tiuj de la kontraŭaj marbordoj.

Antaŭ nelonge oni legis en gazetaro pri rimarkindaj oleotrovoj sur la Bahrein insulo. La *Bahrein-Petroleum Company* sukcesis trovi lastjare fontegon, kiu liveras tage 85 tunojn da kruda oleo. Oni esperas trovi ankoraŭ pliajn fontojn.

*Centro de perl-kolektado.*

Pro tiuj oleotrovoj la ekonomia valoro de la insulo Bahrein konsiderinde altiĝis. Sed jam antaŭ la trovo de la petrolrezervoj la insulo estis eksportcentro por valoregaj varoj : nome perloj de alta kvalito. Dum la jaro 1930, kiam la krizo influis la perlkomercon, la eksporto de perloj de Bahrein sumis tamen 4-5 milionoj da orfrankoj. La Persa havenurbo Lingeh estis antaŭ la milito la ĉefa loko de la perlkomerco. Sed post la milito Bahrein fariĝis nekontestebla centro de la tre grava perl-kolektado en la Persa Golfo. Pli ol 1000 velboatoj estas nuntempe okupataj por la perlkolektado. Kompreneble la eksporto de tia valora artiklo havigis al la enloĝantoj certan riĉecon, kiu estas nekonata ĉe la tieaj orientaj indiĝenoj. La statistiko de l'eksporto montras krom perloj ankaŭ multajn agrikulturajn produktojn, precipe kafon, kies valoro superas la eksporton de la perloj. Pro la novaj oleofontoj la komerca bilanco pliboniĝos multe kaj iĝos aktiva.

*Kontrabando savas la ekonomian bilancon.*

Efektive pro la varinterŝanĝo la komerca bilanco jam hodiaŭ estas tre aktiva. Tio evidentiĝas el la fakto, kiun oni ne povas bone mencii en komerca bilanco : el la kontrabando. En la jaro 1930 oni bonregule importis el Java, laŭ plej prudenta kalkulo, kvinfoje pli da sukero al Bahrein ol la loĝantaro povus konsumi. Tiu sukero kaj hinda teo, ankaŭ aliaj altvaloraj produktoj estas kontrabandataj al la Persa marbordo. La negoco estas tre profitdona, ĉar sukero kaj alumetoj en Persujo estas monopolo, venantaj el Sovieto kaj ĉi tiuj varoj estas tre karaj pro la transportkostoj. Plie laŭorda importo de sukero kaj teo estas ŝarĝata je aparta imposto alta, kiu devas ebligi la estontan konstruon de la granda transversa fervojo persa. Cetere la kontrabando ne estas tre malhelpata, ĉar laŭlonge de la persa bordo ĉe la golfo ankoraŭ ne estas stratoj kaj la doganadministracio ne disponas pri sufiĉe efika ŝiparo por gardi la marbordon.

*Piratoj kaj sklava merkato.*

Meze de tre malriĉa geografia spaco mallarĝa, Bahrein tiel fariĝis delonge speco de ekonomia « *Insulo de feliĉuloj* ». Tial Bahrein estis malnova disputobjekto, pri kiu la ĉirkaŭloĝantoj interbatalis dum jarcentoj. La geopolitika situacio ja nur lasttempe aperis. Kvankam en pli malfruaj tempoj la kontrabando ne okazis, Bahrein tamen estis preferata loko por marrabistoj kaj grava ŝanĝejo por la sklavmerkato de Arabio al Persujo kaj Hindujo. Tio okazis, depost Vasco da Gama evoluis la komercon en la Persa golfo inter Hindujo, Arabio kaj la Levanto.

En la pra-islama tempo Bahrein apartenis al la Persa regno kaj post konvertiĝo al la doktrino de Mahometo, Arabio ĝin konkeris.

Post kiam Vasco da Gama trovis la insulon, ĝi restadis dum pli ol cent jaroj ĝis komence de la 17-a jarcento sub la regado portugala. La Persa ŝaho Abbas la Granda forprenis la insulon de la Portugaloj kaj je la komenco de la 18-a jc. okupis ĝin la sultano de Oman, kaj poste akiris ĝin Nadir Ŝaho, kiu submetis ankoraŭfoje la duonon de Hindujo al la potenco de Persujo. Dum la dua parto de la 18-a jc. finiĝis definitive la persa suvereneco pri Bahrein, kiu nun daŭre estas sub ŝanĝanta regado. Ĝi apartenis al Oman, al Turkujo, al la regno de la Vahabitoj kaj samtempe ĝi estis angla interessfero post kiam Britujo estis okupinta la ĉefajn lokojn de la Persa golfo.

Pro la graveco de la loko la Britoj finfine certigis al si sian influon per kontrakto kun la araba potenculo, kiu ja konservis la tronon, sed perdis per ĝi sian sendependecon. Ĉar la arkipelo havis altan strategian signifon por la potencosfero, oni povis antaŭvidi, ke ĝi neniam rezignus je Bahrein. La plej granda kolonio - posedanto de l'mondo poste kapablis tre lerte rifuzi ĉiujn postulrajtojn, kiuj estis formulitaj precipe de Turkujo kaj Persujo. Lastfoje per la kontrakto de Dŝeda en la jaro 1927 la regno de la Vahabitoj estis devigata rekoni la anglan influon kaj devigis sin amikece interrilati kun la insulo.

*Persa kolonia ambicio.*

Ankoraŭ nuntempe Persujo pretendas siajn posedrajtojn. Pro ĝiaj iamaj posed-periodoj, Persujo energie protestis ĉe la Ligo de Nacioj en 1930 kontraŭ la permeso de la petrolkoncesioj. Depost 1783 regadas araba dinastio kaj la persa malplimulto kiu vivas sur la insulo Bahrein eĉ ne atingas 2% de la enloĝantoj. Nenie la persa lingvo estas parolata kaj la adeptoj de la mahometa-sunita sekto multe superas tiun de la persa-ŝiita religio. Tio estas despli decidiga ĉar en oriento la religio pli bone distingas la nacian apartenon. Pli pravigataj estus arabaj postuloj, ĉar la pra-enloĝantoj kaj la plimalfrue, kune kun la dinastio, enmigrinta plimulto konsistas preskaŭ el pura araba sango.

Ili estas spertaj kaj kuraĝaj marveturantoj. Iliaj antaŭuloj ja estis la fenicianoj. Ĉiuj estas lertaj fiŝkaptistoj kaj grandiozaj subakvigantoj por la serĉado de perloj.

*Dolĉakva fonto en la salo-maro.*

En la proksimeco de la insulo, sur la margrundo troviĝas ŝprucfonto. Ĝia akvo estas tre ŝatata pro la natura malvarmeto. La akvoportistoj, kiuj ĉiuj estas lertaj naĝantoj, subakviĝas ĝis la elfluo de la fonto, kie ili plenigas iliajn ledosa-

kojn per freŝa dolĉa akvo, meze de la plej sala maro de la mondo.

*Mara flughaveno, bazo de la ŝiparo.*

Ŝajnas ke nun la batalo de duona dekduo de ŝtatoj pri la insulo finis. Britujo ne tre facile allasus forprenon, ĉar la insulo pro la oleofontoj fariĝis vera juvelo en la mezo de ĉirkaŭantaj akvo- kaj sablo - dezertoj.

Ankaŭ la strategia graveco konstante kreskas. Post kiam Persujo estas malmendinta al Britujo la flugkoncesion tra Sudpersujo de la linio London-Bagdad-Basra-Hindujo, la « Imperial Airways » intencas flugi de Basra per akvaj flugmaŝinoj al Bahrein, kiu estiĝus grava helpstacio. La « India Office » konsideras ankaŭ la transloĝiĝon de la politika ĉefloko en la persa golfo de la persa urbo Buŝir al Bahrein. Tiel la insulo estus je ĝia plia ekonomia avantaĝo ŝiparstacio, kio jam estas la insulo Henjam, kiu gardas la antaŭan eniron de la golfo : la straton de Hormus.

(Prilaboris : *Alfo Remo*).

# REVOLUCIA ĜENTILECO EN SIAM

Siam estas sendependa reĝlando budhisma meze inter Indo-Ĉinujo kaj Birmanio. Dum lasta Junio revolucio sukcesis — sen ia ajn buĉado — forigi la ĝisnunan registaron de riĉaj princoj, respondecaj nur al la reĝo. Tiun ĉi lastan konservis la junulara partio kaj eĉ konvertis al siaj ideoj. Estas fakto, ke la Ĉakri-Dinastio multon faris por modernigi kaj prosperigi Siamon ekonomie, sed ne politike. La princoj evitis kontrolon de la popolo.

La revolucia komitato nun fariĝis la ministraro. Parlamento estis starigita kaj fine la reĝo mem subskribis la novan konstitucion la 10 Decembro en granda soleno. Eĉ la ĝustan horon (2.53 posttagmeze) fiksis astrologoj kiel plej taŭgan kaj favoran.

Laŭte sonis antikvaj sonoriloj de la temploj, brue pafis malnovaj kanonoj kaj zumis en ĉielo modernaj aeroplanoj dum la reĝo metis sian nomon kaj sigelon sur la gravan dokumenton belarte skribitan.

Ĝoja festo kunigis sur stratoj la popolon de Bangkok, la Siama ĉefurbo. Sed multe pli rimarkinda ceremonio estis okazinta kelkajn tagojn antaŭe, post kiam la fina formo de la statuta leĝaro fariĝis interkonsentaĵo inter la Parlamento kaj la Monarko.

La kvindektri ĉefaj instigintoj de la ribelo petis aŭdiencon de la reĝo kaj prezentis al li ĝentilan senkulpigon pro ofendaj paroloj diritaj dum la revolucio. Kandeloj, brulparfumo kaj floroj sur ora plado servis kiel ofertaĵoj al repaciĝo.

Jen parto de la respondo farita de Lia Moŝto al liaj 53 vizitantoj :

*« Via vizito min tre plezurigas, ne pro tio ke vi petas senkulpigon, ĉar jam de longe mi pardonis vin sciante, ke vi klopodis por la bono de la nacio, kaj tial mi volonte provis mem fari mian eblon por helpi vin al la celo.*

*Sed kio reale kaŭzas mian ĝojon, tio estas, en via deklaro aludo al la klopodoj de la Ĉakri-Dinastio kaj membroj de la Reĝa familio por la progresigo de Siam. Tiu parto de la proklamo 24-Junia, kiu donis al mi kaj al anoj de la Ĉakridaro multan ĉagrenon kaj bedaŭron, estis aserto ke nia familio tute nenion faris por nia lando...*

*Ke vi hodiaŭ korektas tion kaj rekonas, ke la Ĉakridaro multon efektivigis por la prospero de la lando, ĉi tio nun devas forviŝi la senton de ĉagreno kaj bedaŭro, kiu regis ĉe mi kaj aliaj familianoj pro tiu aserto.*

*Krome, grandan plezuron mi sentas, ĉar vi proponis tiun repacigan ceremonion propravole sen ia peto de mi. Tiu ago per si mem tre honorigas vin, ĉar tiel vi montris spiriton de justeco kaj honesteco, kaj plie « sportan » virton, ĉar kompreninte ke vi malpravis iom, vi senhezite konfesas tion publike ».*

Nu, tio ne estas legendo el la tempo de hinda reĝo Aŝoka tricent jarojn antaŭ Kristo, sed nuntempa okazintaĵo en Decembro 1932. E.P.

# AŬGUSTO LA FORTA

En Februaro 1933 pasis 200 jaroj depost la morto de Aŭgusto la Forta, elektprinco de Saksujo, reĝo de Polujo. En la nokto al la unua de februaro 1733 iom antaŭ la kvara matene li forpasis. Pompege li estis entombigata en la katedralo de Krakovo, la ripozadejo de ĉiuj reĝoj de Polujo. Sed lian koron oni transportis — laŭ deziro de l'mortinto — en arĝenta ujo al Dresden kaj entombigis ĝin en la malnova princa kripto de la kortega preĝejo. Aŭgusto la Forta jen la princo, al kiu Dresden dankas sian mondfamon pro la stilpureco de konstruaĵoj ĉefaj.

* *

Depost la frua surtroniĝo en aĝo de nur 24 jaroj la princo estis regata de la forta volo kaj dezirego, plibeligi sian rezidejon tiel, ke ĝi povu konkuri kun la plej belaj urboj de Eŭropo. Li volis havigi al Dresden ĉiujn belaĵojn, kiujn li estis vidinta en kolektaĵoj kaj konstruaĵoj en Paris, Madrid, Firenze, Wien kaj aliloke. La juna suvereno ja konis duonon de la mondo civilizita de sia granda kavalirvojaĝo, kiu tiutempe finigis la edukadon de juna aristokrato. Siajn politikajn celojn li ne atingis, kaj antaŭ la morto li timis por la estonteco de Saksujo. Sed en la historio de germana arto lia nomo estas enskribita orlitere. Neimagebla estas la germana barokstilo sen la saksa, sen la kreaĵoj de *Pöppelmann*, *Permoser*, *Dinglinger* kaj de la inventinto de la porcelano, *Böttger*. Al ili ĉiuj Aŭgusto donis subtenon kaj ĉefe artan instigon por realigado de iliaj projektoj.

* *

Nur tiel povas esti komprenata la iĝado de la plej fama konstruaĵo Dresdena el tiu tempo, la « *Zwinger* ». Aŭgusto la Forta, la pompema Wettin-ido, bezonis laŭ merkantilisma principo viziton de multaj fremduloj, aĉetantaj en la rezidejo la artaĵproduktojn enlandajn, nome porcelanon kaj puntojn. Sole festoj kaj precipe sportaj ludoj de la nobeluloj povis kaj devis allogi la fremdulojn . Krom areno sur la « Altmarkt » baldaŭ estiĝis ligna luktejo sur la nuna « Theaterplatz ». Sed ĉio ŝajnis tro simpla al la antaŭenvidanta Wettin-ido. Li komencigis konstruadon de oranĝuj-domoj, de la famkonata « Zwinger »-ĝardeno. Bedaŭrinde ĝi situis tute proksime al la tiamaj urbfortikaĵoj. Militoj kaj bruloj ofte difektis ĝin. Sed ree kaj ree ampleksaj renovigoj restari-

ĝis ĉi tiun plej belan kaj vivplenan monumenton de la germana baroko.

.˙.

En la jaroj 1694 ĝis 1733 Aŭgusto konstruigis de la arĥitekto *Pőppelmann* en *Moritzburg* apud Dresden unu el la plej belaj ĉaskasteloj. De longa tempo la suvereno ŝatis la ĝardenarton. La « *Granda Ĝardeno* » en Dresden ankoraŭ



MONUMENTO EN DRESDEN.

hodiaŭ tion atestas, ne malpli la belegaj parkoj de la kasteloj en *Grossedlitz* kaj *Pillnitz*. La ĉaskastelo Moritzburg ne nur estis bele situata, sed ĝi ebligis grandstilan reprezentadon tiom ŝatatan de Aŭgusto. Ekzistas malnovaj tielnomataj « registroj por bonveno » — ĝis la jaro 1689 — kiuj rakontas multajn interesaĵojn el la vivo de la princo. Ekzemple oni trovas sub la 11a de februaro 1728 la nomon de la prusa reĝo *Frederiko Vilhelmo Ia* kaj de *la kronprinco*, estonta *reĝo Frederiko la Granda*. La reĝaj gastoj el Berlin estis invititaj por partopreno al la karnavalfesto en Dresden. En Moritzburg trinkis la prusa reĝo la « bonvenon » dum salute bruegis la pafiloj kaj pafilegoj, kaj li diris : « Sanon al lia reĝa Moŝto de Polujo kaj feliĉan revidon en Berlin ! »

.˙.

Intertempe Moritzburg fariĝis *kulturhistoria muzeo*, kiu intime kaj senpere revivigas la saksan kulturon de tri jarcentoj en unika maniero. Malproksimen salutas la kvar rondaj kastelturoj, kiuj en pasinta tempo enhavis la ĉambrojn por la gastoj. Nun en tiuj luksaj ĉambroj oni instalis belegan *porcelan-kolektaĵon*, kiu montras la artperiodojn depost Aŭgusto la Forta ĝis Frederiko Aŭgusto la Justa. Rajte ĉi tie la produktaĵoj de la Meissen'a porcelanfabriko okupas plej ampleksan spacon, ĉar ĝi ja estas fondita de Aŭgusto, kiu per tio donis fortan impulson ne nur al sia lando, sed al tuta Germanujo kaj Eŭropo rilate al la pasio por porcelanaĵoj.

.˙.

Kiel profunda estis la intereso de Aŭgusto por ĉiuj artaj kaj sciencaj aferoj, oni konstatas el la ne multe konata fakto, ke li ebligis per monsubteno *sciencan esplorvojaĝon al Afriko*. Du jarojn antaŭ lia morto, en 1731, ĝi startis al Alĝerio kaj Tunizio. Ĝi havis la taskon, kapti sovaĝajn bestojn por la princa bestejo kaj aĉeti sklavojn kiel bestgardistojn. La princo postulis, ke tion, kion oni ne povis alporti vivanta, oni bone konservigu, ke la objektojn oni « diligente pentru » kaj ke oni tiujn ĉi pentraĵojn same kiel zorge skribitajn taglibrojn sendu plej ofte hejmen. Krom multaj strangaĵoj, maloftaj birdoj elstopitaj, insektoj, herboj kaj pentraĵoj la ekspedicio transdonis, reveninte duonon jaron post la morto de Aŭgusto, multegajn bestojn vivantajn kaj semojn de afrikaj kreskaĵoj. Bedaŭrinde la kolektaĵo forbrulis en 1849.

.˙.

Ĉie kaj ĉie troviĝas en Dresden kaj ĝia ĉirkaŭaĵo la rememoro al tiu ĉi viro, kies artan instigadon du jarcentoj ne povis forgesigi. Preskaŭ 63 jaraĝa, Aŭgusto mortis. Mallonge antaŭ la morto la ministroj lin demandis, ĉu li volus rekomendi al la pola parlamento sian filon kiel tronheredanton. Aŭgusto respondis, ke li portis dornan kronon kaj ke li lasas al la libera volo de sia filo la decidon. La kritikoj pri la vivo de Aŭgusto la Forta estas diferencaj kaj eĉ kontraŭaj. Sed lia plej propra kreaĵo, la belaĵoj, kiujn li havigis al Dresden, restis ĝis nun la celo de ĉiuj amikoj de arto el ĉiuj landoj de l'terglobo.

[1] Okaze de la 200*a datreveno de la morto de Aŭgusto la Forta* en Dresden estos arangataj *ekspozicio pri tiu princo kaj lia epoko* (en la rezideja kastelo en Dresden), diversaj *festoj* en la « *Zwinger* », « *Granda ĝardeno* », « *Moritzburg* kaj *Pillnitz, granda artekspozicio de Saksaj artistoj ktp.* — Krome pro la 50*a detraveno de la morto de Richard Wagner* la Dresdena Opero preparas *festludojn de Wagner-operoj*, *koncertoj* kun famaj artistoj kaj orĥestroj ktp. dum la tuta daŭro de la somero 1933. Prospektojn postulu de la *Verkehrsamt der Stadt Dresden, Neues Rathaus, aŭ Dresdener Verkehrsverein, Hauptbahnhof, Dresden.*

# La morto de Smail-Aga Ĉengijic

*Jugoslava* literaturo ekestiĝas. La literaturo *sudslava*[1], tro malmulte konata en aliaj landoj posedas valorajn perlojn en la serba, kroata kaj slovena verkaroj. Nomoj ankaŭ konataj al pli vasta publiko eksterlanda estas Jovan Jovanović, serba poeto, lirikisto, epikisto kaj tradukisto de grandaj poetoj alinaciaj. Inter la kroataj estas Ivan Majuranić konata pro la eposo el kiu tie-ĉi aperas ĉapitro. En Esperanto jam ekzistas pluraj tradukaĵoj el kroata literaturo : *Šenoa* kies verko « La trezoro de l'oraĵisto » aperis antaŭ la milito. Riĉa en la diversaj branĉoj de tiu ĉi nacio estas la popola kanto, pri kiu jam Goethe atentigis kaj mem tradukis.

[1] Jugoslava en senco politika (Jugo signifas suda) Sudslava en senco etnografia.



## Nokta migranto

Suno malaperis, lun' aperis.
Kiu do sin ŝovas tra kavaĵoj
Kaj ŝteliras al la Monto Nigra ?
Nokte iras tage li ripozas,
Ne plu — ve ! — heroo la iama,
Kano nur, ventet' ĝin igus lama.
Se susuras ie ajn serpento,
Aŭ sub arbetaĵo eĉ leporo,
Pli ol besto iam li sovaĝa,
Pli timema ol lepor' tremema.
Opinias esti lup' arbara,
Kruelega rabisto montara,
Timeganta fruan mortkruelon,
Antaŭ ol atingi sian celon.
Alte taksas sian brunan kapon ;
Nek eloran, eĉ ne orumitan.
Jes, vidiĝas : morti li ne celas,
Nepre io lin antaŭen pelas.

•

Ĉu hajduko, ĉu spiono turka
Spiononta silkolanan paŝton ,
Aŭ brutaron kornoj kun kurbiĝaj ?
Nek hajduko, nek spiono turka,
Sed Novico, de Ĉengiĉ kavazo :
Furioza Turko, la vampiro
Montenegra, ĉie ja konata ;
Help' de nimfoj lin ne trairigus,
Tiom malpli piedoj heroaj
Tra Mont' Nigra dum la hela tago.



•

De sur ŝultro pendas la pafilo,
El la zon' grimacas jatagano
Kaj apude paro da pistoloj ;
Serpentneston per ŝalo li kovris ;
La opankojn al piedoj laĉis,
Ruĝan ankaŭ ĉapon surkapigis ;
Nevidebla estas la turbano.
Jen la Turko sen turbano marŝas :
Jes, vidiĝas : morti li ne celas,
Nepre io lin antaŭen pelas.

Zorge la heroo la vilaĝon
Cucon jam transpasis kaj Bjelicon
Militeman. Nun Ĉekliĉon rokan
Li celadas, arde dipreĝante,
Ke li ankaŭ ĝin transmarŝu bone,
Nek aŭdata nek ie vidata :
Jes, vidiĝas : morti li ne celas,
Nepre io lin antaŭen pelas.

Duaj kokoj sur la Cetinjkampo,
Kaj Novico en la Cetinjkampon ;
Triaj kokoj en Cetinjo urbo,
Kaj Novico Cetinjon alvenis.

*

La gardanton tie li salutas :
« Dian helpon, cetinja gardisto ! »
Sed pli bele la gardist' rediras :
« Bona fato nekonata frato !
Kiaflanke, de kie vi venas ?
Kia do feliĉo vin alportis,
Ke vi tiel frue ekfruiĝis ? »



*

Saĝa l'Turko en sia mizero,
Saĝa l'Turko saĝe tuj respondas :
« Vi demandas, mi do pravparolos :
Mi heroo estas de l'Moraĉo,
El malgranda Tuŝino vilaĝo,
Sub la fama monto Durmitoro.
Tri surkore portas mi dolorojn :
Unuj estas miaj kordoloroj,
Ke mortigis Ĉengiĉ Moraĉanojn ;
Duaj estas miaj kordoloroj,
Ke pendigis Ĉengiĉ mian patron ;
Triaj estas miaj kordoloroj,
Ke ankoraŭ vivas la tirano.
Sed la granda estu kun vi Dio,
Lasu min al via gospodaro,
Gospodaro via kaj la mia,
Eble li sanigus la dolorojn.»
Jen pli saĝe diris la gardisto :
« For l'armilojn, nekonata frato,
Portu l'kapon, gvidu vin la fato ! »

Ĵus la Turko ĉe l'kastelpordego,
Kaj la lasta stelo sur ĉielo :
Estis de Ĉengijiĉ-ago l'stelo...

---

# La Fosilo

*Saldanha Carreira, L.K.*

De longe apogita kontraŭ angulo de mizera kabano la fosilo ŝajne pensas pri la labora tempo, kiam ĝia mastro, per plenmuskolaj, junaj brakoj, ĝin montris al la suno kiel terriĉigontan orpecon.

En tiu tempo de gajaj kantetoj, sur la ŝultro kunportata al la kamparo, tra la sana, freŝa aero, ĝi sin taksis tiel feliĉa kiel fiera pri la utilo de sia helpo vere ebla produktigi grandajn bienojn.

Tiam la mastro estis laboristo kiu posedis, memposedis, kvadratmetrojn da tero hereditajn de mortintaj geavoj, terpeceton zorge de filoj kaj nepoj kulturitan, kiu ĉiam malavare enspezigis ĉiujn penojn.

La fosilo vivis kontenta en tiuĉi laborama familio kaj bone oni povus kalkuli ĝian aĝon, rimarkante la pligrandiĝintajn ŝtalajn dentojn ĉe la flankoj.

Ilo tiel maljuna, certe ne estas objekto, ĝi estas amiko, ne estas aĵo, sed relikvo.

Hodiaŭ, forgesata, ĝi ĉiam ripozas en sia kabana angulo.

Ĝi rigardas kompate la mastron, la eksfortikulon, kiu preskaŭ blindiĝis kaj sidas antaŭ la pordo, la ĉapelon sur la genuoj, almozante la preterpasantojn.

La fosilo vidis foriri al la milito la filon, sentis la plorsingultojn, la larmadon de la patro, kiam la morto de la filo estas anoncita, vidis la lastajn ŝparaĵojn malaperantajn el la hejmo, dum la ĉagreno blankigis la harojn de la giganto, lin kurbigante teren kvazaŭ trudante lin serĉi la truon kien li devos malaperi por ĉiam.

Li vendis la bieneton al fikompatema najbaro, kiu, pro la malkara akiraĵo, konsentis ke la maljunulo loĝu en malgranda dometaĉo apud la vojo.

La fosilo rustiĝis, maljuniĝas pli kaj pli, kvazaŭploras atentante la blindulon kaj memorante la malnovan fierecon en la ambaŭa laboro.

Certe fosilo estas pli dankema kaj memorema ol multaj homoj.

Donacu, donacu moneron al la kompatinda maljunulo !

# Kiom da korvoj estis ?

Novelo de José A. Campos.

« Permesu, sinjoro generalo ! »

« Bonvolu, sinjoro kolonelo ».

« Mi devas raporti strangan okazintaĵon.»

« Do, rakontu.»

« Simpla soldato de nia regimento fartis hieraŭ malbone. Li plendis pri fortegaj doloroj en la stomako kaj fine li elvomis *tri vivantajn korvojn.*»

« Kaj vi tion serioze opinias, sinjoro kolonelo ? »

« Tute serioze, sinjoro generalo, *tri vivantajn korvojn.*»

« Tio estas vere strange. Mi tuj devas raporti pri ĝi al ministrejo ».

« Do estis...»

« Tri korvoj, sinjoro generalo...»

« Eble estas en tiu ĉi kazo miskompreno, sinjoro kolonelo ? »

« Ne, sinjoro generalo, *tri korvoj.*»

« Vi mem vidis la korvojn ? »

« Ne, sinjoro generalo, estis tamen *tri korvoj* ».

« Mi ne kontraŭdiras vin, malgraŭ mi ne tute komprenas ĝin. Kiu rakontis tion al vi ? «

« Majoro Garcia ».

« Instigu, ke majoro Garcia sin prezentu. Intertempe mi forsendos la raporton al ministrejo.»

« Tre bone, sinjoro generalo.»

* * *

« Majoro Garcia ? »

« Jes, sinjoro generalo.»

« Kion vi scias *pri la tri korvoj*, kiujn la soldato elvomis ? »

« Pri *tri korvoj* ? »

« Jes sinjoro majoro ».

« Mi nur scias pri *du korvoj*, kiujn la soldato elvomis.»

« Bone, ĉu 2 aŭ 3. Tio estas malgrava.»

« Ĉu vi vere konvinkiĝis, ke ili estas korvoj ? »

« Jes, sinjoro generalo ! »

« *Du korvoj ?* »

« *Du*, sinjoro generalo.»

« Kiamaniere ĝi okazis ? »

« Tute simple, sinjoro generalo. La senrangulo Pantaleone de nia regimento lasis en sia vilaĝo fianĉinon, kiu havas ardante nigrajn okulojn...»

« Tio ne interesas min, sinjoro majoro. Ankaŭ vi mem ne plu estas junulo.»

« Do, kio okazis kun la korvoj ? »

« La knabo sopiris je sia amo kaj malmulte manĝis. Venis tagoj, kiam li nenion manĝis. Hieraŭ li tamen sentis stomakdolorojn kaj elvomis *du korvojn.*»

« Kaj vi vidis la korvojn ? »

« Ne, sinjoro generalo,sed mi ricevis pri ili raporton.»

« Kiu raportis al vi ? »

« Kapitano Fernandez.»

« Venigu lin tuj al mi.»

« Je ordono, sinjoro generalo.»

* * *

« Kapitano Fernandez ? »

« Jes, sinjoro generalo.»

« *Kiom da korvoj* elvomis la soldato Pantaleone ? »

« *Unu*, sinjoro generalo.»

« Mi unue aŭdis, ke ili estis *tri* kaj ankaŭ oni rakontis al mi pri *du*.

« Ne, sinjoro generalo, je feliĉo ĝi estis nur *unu*. Sed mi mem trovas tion tre stranga.»

« Ankaŭ mi trovas tion stranga. Ĉu vi ne povus tion klarigi, sinjoro kapitano ? »

« Ne, sinjoro generalo. Estas vere, ke la knabo estas enamiĝinta. Li havas ĉarman belan knabineton kiel fianĉinon. Ardante nigraj okuloj, gracila, elasta figuro, kun belegaj kruroj.»

« Sufiĉas. Al la afero, sinjoro kapitano.»

« La soldato elvomis *unu korvon*, ĉu ne ?

« Jes, sinjoro generalo.»

« Kaj vi vidis la korvon ? »

« Mi ne povas diri, ke mi estus ĝin vidinta, sed pri tio mi sciiĝis de leŭtenanto Barkvero, kiu estas la okulatestanto de tiu ĉi okazintaĵo.»

« Venigu leŭtenanton Barkvero.»

« Je ordono, sinjoro generalo ».

* * *

« Leŭtenanto Barkvero, kion vi scias pri la korvoj ? »

« Tre stranga okazintaĵo, malgraŭ ĝia troigo ».

« Kiamaniere troigita ? »

« Ne temas pri tuta korvo, sed nur *korvoparto*. La simpulo Pantaleone havas belegan fianĉinon kun ardante nigraj okuloj kaj *korvonigraj haroj.*»

« Tion mi jam scias. Al la afero.»

« La senrangulo Pantaleone ne fartis bone kaj anoncis sin ofte al malsanulejo. Hieraŭ li vomis kaj en la elvomaĵo oni trovis *korvoflugilon* ».

« Kaj la flugilo estas ankoraŭ ĉe vi en la kazerno, ĉu ne ? »

« Mi ne vidis la flugilon, sinjoro generalo. La tagkaporalo Fleta vidis ĝin. La sciigo venas de li.»

« Venigu kaporalon Fleta.»

« Je ordono, sinjoro generalo.»

* * *

« Kaporalo Fleta.»

« Jes , sinjoro generalo.»

« Kio okazis kun soldato Pantaleone ? »

« La soldato Pantaleone estas malsana, sinjoro generalo.»

« De kiam ? »

« De hieraŭ, sinjoro generalo.»

« Je kio li malsaniĝis ? »

« Li havas stomakdoloron kaj vominciton, sinjoro generalo.»

« Kiamaniere li elvomis *korvoflugilon* ? »

« Li ne elvomis *korvoflugilon*, sinjoro generalo.»

« Kial vi raportas al leŭtenanto Barkvero, ke la soldato Pantaleone elvomis *korvoflugilon*, vi azeno ? »

« Mi humile raportas, sinjoro generalo. La soldato Pantaleone estas enamiĝinta kaj ĵuras ĉiam ke lia fianĉino estas tre bela, ŝiaj okuloj estas ardantaj, ŝiaj haroj estas tiel *nigraj* kiel *korvoflugilo*. Mi ja rakontis tion al sinjoro leŭtenanto, kiu min pridemandis.»

« Foriru, vi azeno ! »

Kiam la generalo estis sola, li frapis sian frunton kaj diris : « Nu, mi ion belan intermiksaĉis. Mi en la raporto al la ministrejo skribis *pri kvar aŭ kvin korvoj*, por ke mi prezentu la aferon kiel eble plej ekscitige.»

(Trad. Minuŝka Mantel, Wien)

# Diversaĵoj

## Internacia Hejmo Esperantista

*Raporto por la jaro 1932.*

La unua detala sciigo pri la Hejmo aperis dum Januaro en « Heroldo de Esperanto » kaj estis represita en mil ekzempleroj kiel prospekto. La nova ilustrita prospekto estas senpage havebla.

En Februaro estis fiksita la vorto *Esperanto* en literoj reliefaj oraj sur la fasadon de la domo.

En la komenco de la jaro nur 7 parceloj-terasoj estis kulturataj, nuntempe la nombro estas 23. Estis plantitaj 21 junaj fruktarboj kun nomoj de donacintoj sur nomplatoj; 200 vinberplantoj; 500 fragplantoj; 36 fruktarbustoj; 2 mimozoj ktp.

Gastoj: Angloj 18: Aŭstro 1: Alĝerianoj 5; Ĉeĥoslovakoj 5; Finno 1; Francoj 16; Germanoj 8; Italoj 7; Japanoj 2; Kimroj 2; Korsikano 1; Nederlandanoj 4; Polo 1; Rumano 1; Rusoj 2; Svedo 1; Sviso 1; Turko 1; Usonano 1; 78 el 19 landoj, el ili 44 Esperantistoj.

Nombro de unutago vizitintoj 128.

Esperanto-libroj en la biblioteko 248.

Estis presitaj 3.000 poŝtkartoj de Aspremont kun tekstoj franca kaj esperanta.

Dum la jaro multe da diversaj objektoj aldoniĝis al la inventaro, kiuj plivalorigas la Hejmon.

La gvidanto metas je la dispono de la Hejmo sian aŭtomobilon per kiu gastoj veturas al kaj de Nice kaj ekskursas sur la Riviero.

Estis vagadoj al diversaj lokoj kaj al la tereno de la Hejmo, kie oni dum la tuta jaro piknikas.

En decembro estas konstruita sur la tereno dometo el fero kaj asbesto, la unua de intencata kolonio.

Ni devas gratuli la gastojn kaj la stabon, ke la jaro finiĝis sen deficito.

Ni esprimas nian dankon al la gesamideanoj pro iliaj donacoj al la Hejmo. La lasta publika kvitanco aperis en « *Esperanto* » por Novembro 1932. Pluaj kvitancoj aperos sistempe.

E. E. Yelland.

## Internacia Esperanto-Muzeo en Wien

### Neue Burg, Heldenplatz

En printempo 1933 ni deziras eldoni la Adresaron en IEMW, en kiu aperos plena adresaro de la membroj de Internacia Honora Komitato, de Kuratora Komitato kaj la unuopaj membro-grupoj kaj samideanoj. La Adresaro fariĝos impresiga varbilo pro la eminentuloj ne-esperantistoj, kiuj eniris la Honoran Komitaton.

Estos plej grava propagando, se almenaŭ el ĉiu loko kie troviĝas esperantistoj, almenaŭ la grupo kaj unu samideano fariĝus membro. La kotizo unufoja: svis. fr. 12.50 aŭ egalvaloro (pagebla en 3 partoj) valoras por grupoj por 10 jaroj kaj por individuo kiel « dumviva membreco ». Sendu la monon pere de banko por « Oesterreichische Creditanstalt », Wien, I. Renngasse, je pago al Int. Esperanto-Muzeo, Wien, I. Neue Burg. Al ni sendu simplan aliĝanoncon. Ni tuj sendos la diversajn libron, gvidilojn, fotojn, membrokarton je kiuj vi rajtas.

Neniu loko postrestu. Aliĝis jam el pli ol 40 landoj kaj aro da federacioj, grupoj ktp. (Sveda, germana, norvega, svisa, aŭstria ktp). Ne hezitu tuj aliĝi, por ke via nomo estu en la Adresaro. Al demandoj bonvolu ĉiam aldoni respondafrankon.

Por unu respondkupono ni sendas po 2-3 ilustritaj varbprospektoj

IEMW: Steiner, prezidanto.



## Kristana Esperantista Ligo Internacia (KELI)

*(Oficejo: Pölkenstr. 4, Quedlinburg, Germanujo)*

La Universala Kongreso en Parizo estas la komenco de nova epoko en la historio de la ligo. Post ĝia fondiĝo en la jaro 1911 okaze de la 7a Universala Kongreso en Antverpeno ĝi daŭre kreskis. Dum la 9a Kongreso en Bern (1913) oni fiksis ĝian regularon kaj elektis la definitivan estraron.

Laŭ la regularo la ligo subtenas la biblan kristanismon, t.c. oni propagandas la lingvon Esperanto en la kristanaj organizajoj internaciaj, kiuj celas tian kristianismon. ekzemple en la Kristanaj Asocioj de Junaj Viroj (angle: Y.M.C.A. -germane: C.V.J.M. -france: U.C.J.G.) kiuj kalkulas proksimume unu milionon da membroj.

KELI estas protestanta ligo, tamen ĉiu povas aniĝi, kiu volas helpi la atingon de ĝia celo.

La oficiala organo de KELI estis « Dia Regno ». Ĝi pli kaj pli disvastiĝis. La milito tuj ĉesigis ĝian eldonadon kaj la provo, post la milito reeldoni ĝin, malsukcesis post mallonga tempo. Eĉ la ligo preskau ĉesis ekzisti, kiam ĝi en la jaro 1927 perdis ĝian fervoran kunlaboranton, sinjoron Horner, kiu subite mortis.

Dum la plej mizera tempo la plej fervora subtenanto de KELI, la ĉie konata aŭtoro de belaj Esperanto-romanoj, sinjoro H.A. Luyken, gvidis la aferon de la ligo kaj per tio kontraŭstaris ĝian tutan malaperon. La ligorgano ne plu povis aperi. Sed baldaŭ troviĝis fervoraj samideanoj, kiuj kolektis monon por aĉeti presilaron laŭ la propono de la prezidanto Paul Hübner, kiuj pro malsaniĝo de sinjoro Luyken denove surprenis la gvidadon de la ligo.

Per tiu ĉi presilaro oni povis eldoni informilon por la liganoj. Intertempe en Nederlando la movado rapide kreskis; tie oni fondis nacian protestantan ligon. kiu kunfandiĝis kun alia kristana ligo en Nederlando. La nova ligo: Nederlandsche Christelijke Esperanto Vereeniging (N.C.E.V.) rapide kreskis kaj aliĝis al KELI.

Per la helpo de N.C.E.V. la ligo denove povis prepari la eldonon de oficiala organo kaj fine « Dia Regno » aperis la unuan fojon por la Universala Kongreso en Parizo.

Nun la kreskado de la ligo estas evidenta. En Parizo aliĝis denove reprezentanto de la granda organizajo de K.A.J.V. kaj intertempe en Germanujo fondiĝis nacia ligo kun la nomo: « Evangelischer Esperantobund für Deutschland ». Ankaŭ en Svedujo la movado pli kaj pli etendiĝas. Esperanto marŝas en la protestantaj kristanaj rondoj.

P. H.

## La 13-a Kongreso de S.A.T. en Stokholmo

La 13-a Kongreso de *Sennacieca Asocio Tutmonda* (SAT), kultura k interhelpa organizo de prolet-esperantistoj, okazos de la 5.-10. Aŭgusto 1933 en la sveda ĉefurbo *Stokholmo*. Pro tio ke la laborist-esperanta movado en Svedio nuntempe grandpaŝe progresas, tiu ĉi kongreso prepariĝas malgraŭ la ekonomia krizo en la plej favoraj cirkonstancoj, k grandnombra partopreno estas antaŭvidata de la Organiza Kongres-Komitato.

La kongres-malferma soleno okazos en unu el la plej belaj domegoj de Stokholmo, en la *Koncerta domo*, kies salonego povas enteni preskaŭ du mil personojn. Pro malfacilo havigi malkarajn loĝejojn, la O.K.K. zorgos pri amasloĝejo k tendaro.

Unuafoje dum tiu SAT-kongreso estos aranĝata « Laborista Altlernejo », ĉe kiu lekcios kompetentuloj pri sciencecaj k tamen ĝenerale interesaj temoj.

La kongresa kotizo estas fiksita je 3 *svedaj kronoj* por membroj, 5 *kronoj* por gastoj. Pagoj povas okazi al speciala poŝta ĝirokonto: Stockholm n-ro 550 35. La adreso estas: *XIII-a Kongreso de SAT, Upplandsgatan 1, 3 tr. ö. g., Stockholm.* Al tiu adreso oni direktas ĉiujn korespondajojn pri aliĝo ktp.




**ADRESO : TRAJANSTRASSE, 25, KÖLN**

*Pošta ĉekkonto :* 25-a Universala Kongreso de Esperanto, Kőln N-ro 52.

---

Oficiala Informilo 2.

*Afiŝoj pri la 25-a Universala Kongreso :* La urbo Kőln donacis 3.000 belajn afiŝojn kun bildo de la fama katedralo kaj kun Esperanto-teksto. Ili estas senpage riceveblaj ĉe la LKK.

*Aliĝoj :* Ĝis nun anoncis sian aliĝon 325 personoj el 25 landoj. Laŭlanda statistiko : Anglujo 30, Aŭstralio 1, Aŭstrio 7, Belgujo 18, Ĉeĥoslovakujo 13, Danujo 2, Dancigo 1, Estonio 1, Finnlando 1, Francujo 41, Germanujo 131, Hispanujo 10 (inter ili tri el Katalunujo) Hungarujo 3, Italujo 11, Japanujo 1, Jugoslavujo 1, Nederlando 22, Nederl. Hindujo 1, Polujo 14 (inter ili n-roj 1-12 rezervitaj por familio Zamenhof), Rumanujo 1, Saar-teritorio 1, Skotlando 4, Svedujo 4, Svislando 6.

*Blindula Kaso :* La LKK akceptas mondonacojn por subteni partoprenon en la Kongreso al blindulaj samideanoj. La ĝis nun ricevita sumo estas gmk. 88.36.

*Fervoja Rabato :* LKK ĝis nun atingis jenajn reduktojn sur *germanaj fervojoj :*

Karavanoj de 15 personoj ricevos 25%-an rabaton,
Karavanoj de 50 personoj ricevos 33%-an rabaton,

Izoluloj uzantaj la fervojon rajtas uzi tiel nomatajn « dimanĉbiletojn » (rabato de 33%). Ili validos sur ĉiuj linioj ĝis distanco de 250 km ĉirkaŭ Kőln. Detaloj sekvos.

La belgaj kongresanoj kaj la nebelgaj, kiuj trapasos Belgujon, ĝuos rabaton de 35% de post la 15-a de julio (por la alvojaĝo), ĝis la 31-a de aŭgusto (por la revojaĝo) je la tarifoj de la nacia *Societo de Belgaj Fervojoj*, kaj de 30% por la ir- kaj revenbileto Dover-Ostende. La kongresanoj interesitaj bonvolu sin turni al Belga Ligo Esperantista, 11, Kleine Hondstraat, Antwerpen, por ricevi la kartojn necesajn por akiri la rabatojn, aldonante unu respondkuponon de UEA aŭ de poŝto.

*Karavanoj* jam anoncitaj :

*Angloj* bonvolu sin turni al :

The British Esperanto Association, 142, High Holborn, London W.C.1.

Aŭstroj bonvolu sin turni al :

Registara konsilisto H. Steiner, Internacia Esperanto-Muzeo, Wien I, Neue Burg.

Italoj bonvolu sin turni al :

Esperanto-Centro Itala, Milano, Galleria Vitt. Emanuele 92.

*Nederlandanoj* bonvolu sin turni al :

S-ro Jakob Telling, Bellevoijsstraat 36, Rotterdam.

*La LKK elektis jenajn Konsilantojn :* S-ino A. Berger, s-ro J. Berger (fakaj kunvenoj), s-ro K. Brakel, f-ino M. Cahen, f-ino A. Fuchs (protokolistino), D-ro med. W. Heinen (kuracistoj), s-ro Hendrichs (katolikaj aferoj), s-ro T. Jung (kongres-propagando), s-ro A. Junker, s-ro J. Kreitz (blinduloj), f-ino Ch. Mielau (instruistoj), s-ro H. Schneider, s-ro M. Schumacher (enlanda gazetaro).

*Kotizoj :* La favorkotizo de gmk. 18. — estas plilongigita ĝis la 31.3.1933. Post tiu dato validos la normkotizo de gmk. 20. —

*Junulaj Membroj :* La ordinara kotizo por gejunuloj malpli ol 17-jaraj estas gmk. 5. — Gejunuloj ne rajtas ricevi la kongresajn dokumentojn.

*Blinduloj* kaj ties gvidantoj ricevos kongreskarton senpage.

*Helpkongresanoj :* Kiu ne povas ĉeesti la kongreson, povas tamen aliĝi kiel helpkongresano, pagante gmk. 10. —

*Valoran kongresmemoraĵon* ricevos tiuj aliĝontoj, kiuj estos pagintaj sian kotizon ĝis fino de marto 1933.

**Loka Kongresa Komitato.**

# Skolta Esperantista Ligo

---

La Esperantistaro de la estonteco estas la junularo de hodiaŭ. Tiun gravan fakton rekonis la Krakova Kongreso de Esperanta, kiam ĝi akceptis rezolucion pri propagando inter la plej grava junulara organizo en la tuta mondo — la Skolta Movado.

Sed la Estroj de la Skolta Movado — tiu plej utila propagandkamparo por la Esperantistaro — ne favoras al Esperanto. Spite de tio, la Skolta Esperantista Ligo laboradis dum la pasintaj 14 jaroj preparante la vojon por la eventuala akcepto de nia lingvo per la skoltaro.

La sukceso de la propagando de tiu Ligo estas montrita per la jenaj faktoj :

La Ligo estas *oficiale* rekonita de la Hungara Skoltasocio.

La Hungara kaj Belga Skoltasocioj starigis ĉiu oficialan Esperanto-Sekcion.

La Ligo nun havas pli ol 750 membrojn (en 32 landoj) kaj estas pli ol 1.000 skoltoj (nemembroj) kiuj ankaŭ scias la lingvon.

Fortaj Naciaj Sekcioj de la Ligo estis starigitaj en Hungarujo kaj Polujo.

La Ligo havas Agentojn en 19 landoj kiuj energie laboras por nia afero.

La ĝenerala opinio inter la estroj de la Skolta Movado nun estas pli favora ol iam.

Dum 1933 okazos Mondjamboreo por Skoltoj apud Budapest, kie kuniĝos 10,000 skoltoj el multaj landoj. La Estroj de la Movado ĉeestos, kaj la Centra Komitato de la Skolta Esperantista Ligo opinias ke NUN estas la tempo doni la plej gravan frapon ĝis nun faritan por la Esperanta Movado, per la atingo de nenio malpli ol la *oficiala aliĝo de la tuta Skolta Movado al Esperantismo.*

Ĉe la Jamboreo, ni unue devas montri la utilecon kaj *neceson* de la lingvo por la skoltaro, kaj poste — per starigo de fortaj Naciaj Sekcioj de nia Ligo — ni intencas insisti pri la neceso de Esperanto-Sekcio en *ĉiu* Nacia Skoltasocio.

Ĉe la Jamboreo, dank' al nia oficiala rekono de la Hungara Skoltasocio, ni havos la plej bonan ŝancon por propagando ĝis nun ricevitan. Ni esperas eldoni propagandilojn kaj specialan propagandan numeron de nia gazeto « Skolta Bulteno ». Eble ankaŭ la avizoj ĉe la Jamboreo estos en Esperanto kune kun aliaj naciaj lingvoj. Esperanto-Sekcio de la oficiala Jamboreo-Vortaro jam aperis.

*Kiel* povas helpi la Esperantistaro ? Per du metodoj.

Unue, kaj precipe, per mondonaco al la Jamborea Propagando kaj al la Kapitala Konto de la Skolta Esperantista Ligo. La Jamborea Propaganda Konto estas, kompreneble, por ebligi la eldonon de propagandiloj ĉe la Jamboreo. Estas URĜE kaj NECESE ke la Kapitalo de la Ligo ricevu *minimume* £1,000, kaj la Jamborea Propaganda Konto £40 antaŭ la 1-a Marto 1933. Se tiuj sumoj ne estas ricevitaj, la tuta laboro de 14 jaroj povos esti nuligata pro manko da monrimedoj. La rentumo de la Kapitalo bezonata nur *jus* sufiĉos por la intensiva post-Jamborea propagando necesa por atingi nian celon: kaj la sumo menciita por propagando ĉe la Jamboreo nur sufiĉos por la minimuma propagando necesa por vekigi la intereson de la Skoltaro.

Necesas ke la Esperantistaro tutmonda starigu fortan propagandon inter Skoltoj, kaj *speciale* inter tiuj kiuj ĉeestos la Jamboreon. Klopodu starigi kursojn por skoltoj en ĉiu urbo de via lando. La Nacia Agento de la Skolta Esperantista Ligo certe helpos vin laŭ sia eblo, kaj mi certe sciigos al vi lian nomon kaj adreson.

*Kial* devas helpi tiumaniere la Esperantistaro ? Ĉefe ĉar per tio ili plej efike antaŭenigos sian propran movadon, sed ankaŭ ĉar sen la helpo de la Esperantistaro (speciale finance) la membroj de la Skolta Esperantista Ligo — kiuj estas precipe malriĉaj knaboj — ne povas donaci la necesajn sumojn. Jen estas la plej oportuna propaganda ŝanco por la Esperantistaro ĝis nun, kun la vojo preparita de la Skolta Ligo kaj ĉiuj cirkonstancoj favoraj. *Tia bona ŝanco por kapti la Skoltan Movadon certe neniam revenos.* Mi, do, tre forte urĝas ke vi instigu la Esperantistaron en via lando helpi sukcesigi tiun gravan aferon. Nur estos per la plej fortaj penoj de ĈIUJ Esperantistoj ke la afero sukcese rezultos.

Bonvole publikigu tiun alvokon en via Nacia Esperanto-Gazeto, kaj instigu al la Esperantistaro disvastigi la novajon tiel eble plej multe ĉar *ĉiu povas helpi* aŭ per malgranda mondonaco aŭ per propagando.

Nia sukceso por la EsperantoMovado dependas je VIA helpo kaj subteno, kaj mi insiste petegas ke vi afable respondu al mia alvoko kaj helpu.

Volonte mi donos pluajn informojn laŭ via peto.

Douglas H. Davis, Hon. kasisto,

23, East Dulwich Grove, London S.E. 22.



Tour de l'Ile
Sidejo de UEA

# Universala Esperanto-Asocio

**Centra Oficejo: 1, Tour de l'Ile, Genève**

## Oficiala Informilo

**N-ro 25**

**Administra jaro 1933 Februaro 1933**

**Bankkonto:**

**Société de Banque Suisse**

(Schweizerischer Bankverein), Genève.

*Svisa Poŝtĉeko* : Genève I. 2310.

*Decido de la Komitato.* — La decidon de la komitato de UEA pri la propono de reorganizo akceptis du pliaj Komitatanoj. Respondis do ĝis 15.2.32, 22 komitatanoj el 24. El tiuj 22, 19 akceptis, 3 faris aliajn proponojn. Du ankoraŭ ne respondis.

(Decido aperis en n-ro de Januaro, paĝo 2.)

---

*Deklaro.* — Sinjorino Erna Pflug, VD de UEA en Königsberg, Germanujo, dissendis cirkuleron al ĉiuj germanaj Delegitoj de UEA kaj grupoj de la Germana Esperanto-Asocio.

La cirkulero traktas pri internaj aferoj de la GEA kaj pri organizaj problemoj de nia movado.

Laŭ nia scio tiu ĉi cirkulero fariĝis tute el propra iniciato, UEA sciis nenion pri ĝi, antaŭ ĝia ricevo.

---

*Kontrakto.* — Pro leĝaj kaŭzoj, la prezidanto de UEA, konforme al Art. 70* de la statuto aprobis aranĝon kun la Federacio Esperantista Itala (Oficejo en Milano, Esperanto Centro Itala) kies ĉefaj punktoj estas :

1. La artikoloj 8-11 de la statuto de UEA estas ekster valideco.

2. La aplikon de Art. 16-19 transprenas la Federacio Esperantista Itala (Esperanto Centro Itala).

3. Universala Esperanto-Asocio komisiis la ECI reprezenti ĝin, por la abonoj al Esperanto, vendo de la Jarlibro 1933.

4. Pri la servoj, speciala aranĝo estas farita, pri kio informas la Jarlibro 1933.

5. La kontrakto, subskribita de la prezidanto de FEI, S-ro Generalo Markizo de Montezemolo kaj de S-ro Inĝ. Orengo por UEA de la prezidanto Ed. Stettler, Direktoro Hans Jakob, validas ĝis 31-a de Oktobro 1933.

La italaj esperantistoj estas informitaj pri tio per detala cirkulero, dum Decembro 1932.

---

*Jarlibro* 1933. — Ni plezure informas la membraron, ke la laboroj por la nova jarlibro multe progresas. Dum la presado de tiu ĉi numero, oni jam korektas kaj enpaĝigas la Jarlibron kaj estas verŝajna, ke la libro estas preta je fino de Marto, sekve dissendota dum Aprilo.

*Kotizoj* 1933. — La jenaj prezoj de kotizoj ŝanĝas :

*Membro-subtenanto :*

*Britujo* : 25 ŝil. — *Finlando* : 300. Fmk. — *Greklando* : 800. Dr. *Hispanujo* : 50.- Pes. — *Japanujo* : 20 Jenoj. — *Jugoslavio* : 300 Din. *Portugal* : 150 Eskudoj. — *Skandinavaj landoj* : 25 Kron.

*Repago de kotizo* 1933. — Je la fino de Januaro la Centra Kaso de UEA registris kotizojn de 50 Helpmembroj, 575 M, 1068 MA, 252 MS, sume 1945 repagintoj. (1932 : 2905 je sama epoko).

*Oficiala Bulteno* 28. — Ni informas la Delegitojn, ke dum Marto eliros Oficiala Bulteno n-ro 28, kun informoj pri novaj laboroj farotaj. Delegitoj kiuj ne ricevis tiun ĉi bultenon je oportuna tempo bonvolu informi nin pri tio.

* 70. Se en loko aŭ lando tre malfacilaj cirkonstancoj, grava malpaco aŭ aliaj ne-antaŭvideblaj kondiĉoj malhelpas procedi konforme al tiu statuto, la Direktoro rajtas fari esceptojn. La Prezidanto povas provizore ŝanĝi la kutiman organizon, elektante specialan Ĉefdelegiton kun plenaj povoj, aŭ per aranĝoj adaptantaj al tiuj eksterordinaraj bezonoj.

# Adresaro : Novaj lokoj kun Delegitoj

---

**Britlando**

*Sandwich* (Kent). — D : H. N. Bowell, medicinisto, Sandwich Rectory.

**Danlando**

*Hasselager* (Jutlando). — D : Harald Grönborg, instruisto.

**Germanujo**

*Langebrück* (Sachsen). — D : Hermann Korell, instruisto.
*Morsbach-Sieg* (Rheinland). — D : Johannes Schuh, tajloro, Waldbrölerstrs. 1.
*Schkeuditz* (Sachsen). — D: Paul Häring, tipografo, Bahnhofstr. 57, b. VD : Artur Blechschmidt, flegisto, Bergmannswohl.

**Litovujo**

*Radviliškis.* — D : D-ro Chaimas Tokeris, kuracisto, Vasario 16 d.

**Nederlando**

*Ede* (Gelderland). — D : W.J.H.D. Kautzmann, instruisto, Stationsweg 12.
*Eelderwolde-Haren* (Groningen). — D : Jan de Fries, oficisto, Veenweg 37.
*Heemstede* (Nord-Holando). — D : Christiaan Jacobs, Esp.-instruisto, Pieter de Hooghstraat 24.
*Rauwerd* (Frislando). — D : Johan Herman Oterdoom, prot. pastro.
*Schoonhoven* (Zuid-Holland). — D : Eimert de Kuiper, lernejestro, Aelbrecht Beijlingstraat 38.
*Sliedrecht* (Zuid-Holland). — D : F-ino Jacqueline H. P. Ouwerkerk, instruistino, Stationsweg 18.
*Ter-Apel* (Groningen). — D : F. J. Krüger, tradukisto, Kloosterveenweg H. 1027.

**Palestino**

*Tel-Aviv.* — D : Menaĥem Sapir, agento, Ŝĥun Maĥlul II 637.

**Polujo**

*Gdynia-Reda* (Morski). — D : Wincenty Nowak, fervojpentristo, Ul. Ks. Poniatowskiego 3.
*Golub* (Pomorze). — D : Hieronim Strzelecki, juĝeja defendanto.
*Poreba* (k. Zawiercia). — D : Pawel Kosko, librotenisto, Skrz. poczt.9.
*Poznan.* — D: Henryk Münch, oficisto, Bank Gospodarstwa Krajowego.

**Rumanujo**

*Bazarĝic* (Debreczen). — D : Andrei Andreev, komercisto, str. Pr. Ferdinand I. VD: Atanas Atanasov, oficisto, str. Pr. Elisabeta 14.

**Togo**

*Lome.* — D : Seth Bediako Anomah, komizo, c-o Bremen Mission.

**Usono**

*Atlanta* (Georgia). — D: Woodruff Bryne, studento, 177 Barksdale Drive.
*Missoula* (Montana). — D : Thomas M. O'Neil, sciencisto, C.R. Prescott, E. of University of Montana.
*Ramona* (S.D. Co. California). — D : S-ino Alice Weigall, P.O. Box425.

*La supraj elektoj fariĝos valoraj se ĝis 30 tagoj post la nuna publikiĝo neniu membro protestas pro gravaj kaŭzoj. Intertempe la novaj D kaj VD agas provizore.*

**EKSIĜOJ & FORSTREKOJ :**

Ne plus estas D en jenaj lokoj :

*Britlando* : Ipswich ; Leek ; Merthyr Tydfil ; Wallington.
*Francujo* : Montford-le-Rotrou. — *Germanujo* : Bad Pyrmont ; Sickendorf. — *Litovujo* : Rasseiniai. — *Maroko* : Tetuan. *Ned. Hindujo* : Tandjoeng Balai.

*Statistiko de la Delegitoj.*

| | |
|---|---|
| Stato je la 15 Decembro 1932 ................ | 1.991 lokoj |
| Lokoj forstrekitaj laŭ supra listo | —10 lokoj |
| | 1.981 lokoj |
| Novaj lokoj de 15.12.32. ĝis 15.I.33 ........... | +23 lokoj |
| Stato je la 15 Januaro 1933 ............... | 2.004 lokoj |

---

Genève, 15 Januaro 1933. *Direktoro de UEA.*




# Internacia Polica Ligo

## Oficiala Informilo

Estimata liganaro !

Aproksimiĝas la nunjara kongreso de Esperanto, kiu eĉ estas jubilea. Vigle jam laboras la L.K.K., tutmonden dissendas invitojn al samideanoj por atingi multnombran viziton de la kongreso.

Venas la tempo, ke ankaŭ nia I.P.L. okupiĝu pri la demando, ĉu ankaŭ okazigi fakan kunvenon dum la kongreso ?

Bedaŭre ni devas konstati, ke tiucele la situacio ne estas bonŝanca por nia ligo. La plimulto el nia ĝisnuna liganaro ĉiulande eĉ ne kapablas repagi la kotizon por la jaro 1933. Preskaŭ el ĉiuj landoj laŭtiĝis plendoj, ke ŝtatoj kaj komunumoj reduktis la salajron de la policistoj. Laŭ tio la ligestraro preskaŭ ne povas atendi, atingi viziton de la kongreso el rondo de sia liganaro. Ankaŭ la grupoj, kelkloke ekzistantaj, ne disponas pri monrimedoj per kiuj ili sukcesus komisii delegitojn, konvencie ebligi al ĉi tiuj vojaĝon al la kongreso.

Same niaj ligestraranoj, landaj kaj lokaj delegitoj, nur estas senhavuloj. Daŭre ni jam atendas de ili helpemon kaj oferemon kun la celo sukcesigi nian ligon. Ni tute ne povas atendi kaj eble eĉ postuli de ili oferi ankoraŭ pli grandajn sumojn por vojaĝo al kongreso.

Nia ligo plue ne havas reprezentanton en la kongresurbo Kŏln, kiu povus prepari la necesajn aranĝojn por faka kunveno.

Aranĝo de fakkunveno dum la kongreso laŭ tio ŝajnas esti tre riska problemo. Kiu garantias al ni nur modestan viziton el nia anaro?

Tamen, nia ligestro estas tute preta, plenumi sian taskon, aranĝi fakkunvenon dum la kongreso, kiam sufiĉe granda aro el la liganaro postulas tian aranĝon per certigoj pri persona partopreno. Nia adm. direktoro jam antaŭzorgeme havigis al si la kongreskarton.

Ni elkore petas ĉiujn anojn, kiuj spite de ĉiuj malfacilajoj intencas partopreni fakan kunvenon dum la kongreso jam nun anonci sian partoprenon ĝis almenaŭ la 1-an de Aprilo ĉi tiu jaro, al nia ligdirektoro Paŭl Teuchner, Leipzig 0.5. Eisenbahnstrasse 111. b.

Laŭ sufiĉe granda partoprenaro la ligestraro decidos pri aranĝo aŭ ne aranĝo de fakkunveno dum la kongreso.

Pri la rezultato ni poste raportos almenaŭ en nia Revuo de Majo nunjare.

A. Pohle.
*Liga redaktoro.*

# Cseh-kursoj

### Britlando

Post sukcesa agado en Nederlando, sinjoro Sigismundo Pragano komencis, en februaro, novajn kursojn laŭ la Cseh-metodo en la anglaj urboj *Romford*, *Southend-on-Sea* kaj *Walthamstow*, en la proksimeco de Londono. La preparaj laboroj estas vigle farataj de la fervoraj lokaj samideanoj, kun jam videbla sukceso. En Southend-on-Sea la urbestro, s-ro *R. Tweedy-Smith* persone prezidos la publikan provlecionon, akompananta de sia edzino kaj de lokaj pedagogoj.

Ĉar tiu ĉi kursoj estos la unuaj Cseh-kursoj en Britujo (ĝis nun okazis tie nur unu oktaga demonstracia kurso dum la paska semajno pasintjara de s-ro Pragano en *Barry* (Suda Kimrujo) oni ligas al la sukceso de tiu ĉi kursserio la esperon pri posta rapida disvastiĝo de la instruado laŭ la Cseh-metodo en la tuta Britlando.

### Svislando

Meze de Januaro alvenis ges. Morariu al Svislando. Post vigla antaŭpropagando de Svisa Societo, S-ino Morariu komencis kursojn en Műnsingen kaj Thun por komencantoj, krome ŝi gvidas ankaŭ daŭrigan kurson en Thun. S-ro Morariu instruas en St. Gallen kaj Herisaŭ, ankaŭ en nova loko Romanshorn.

Lumbildparoladon pri Svedlando de S-ino Morariu tradukitan de D-ro Huber favore recenzis « Oberlănder Tagblatt » 19. Jan. Thun. Ankaŭ s-ro Morariu prelegis pri sia lando, Rumanio, kun lumbildoj, en la Orientsvisa Geografia-Komerca Societo en St. Gallen, interpretata de D-ro Maeder. Prof. D-ro Schmied, la prezidanto de Orientsvisa Geografia Komerca Societo deklaris, ke la unua kunlaboro kun la Nova Esperanto Klubo sukcesis tre bone. Favora raporto pri la prelego en « St. Galler Tagblatt » 4.2.33, kiu gazeto antaŭe tre avare raportis pri esp. okazajoj.

La nuna laborserio de Morariuj finiĝos paske. Eventualajn kursinvitojn por post Pasko, svisaj grupoj volu direkti al la sekretario de SES, S-ro H. Kűrsteiner, Floraŝtr. 5, St. Gallen kaj el eksterlando (laŭeble najbarlandoj) senpere al la kursgvidanto : Tib. Morariu, Hospiz « Joh. Kessler », St. Gallen.

### Hispanujo

F-ino Pähn, el Estonio, instruas en Barcelona, poste en aliaj lokoj Katalunaj.

### Francujo

Cseh-kurso de F-ino Lidja Zamenhof en Lyon estas granda sukceso. 200 kursanoj. (Gratulon)

### Egiptujo

En Kairo malfermis kurson S-ro Newell, eks-sekretario de la 24-a Kongreso.

# *Bibliografia Servo de UEA*

## Donacoj

La Biblioteko de UEA ricevis la jenajn donacojn de libroj :

De F-ino Lawrence, London : 18 broŝuroj esperantaj kaj aliaj, inter ili tri mondlingvajoj.

De S-ro Paul Blaise, London : Grammar with vocabularies of Volapűk by W.A. Seret (1887), 420 paĝa bone konservita ekzemplero.

De G. Agricola, Genève : Sentis, Blua kardo, romano en franca lingvo tradukita en Esperanto, Tria eldono. Paris 1924.

Al ĉiuj donacintoj koran dankon.

Bibliografia Servo de UEA.

# AL ĈIUJ !

Kiu legas « Heroldon », tiu trovis en N-ro 50 de 1932 anonceton de la grupo « Ĉiam antaŭen », kiu enhavis jenan rimarkon : « S-ro Bense nek estas estro nek membro de nia grupo.» — Certe, tio estas ĝuste, sed la grupo ne aldonis la kaŭzojn kaj ke mi eliĝis libervole ! Por eviti miskomprenon, ke mi ne faris nehonestan agadon aŭ similan, mi klarigas la aferon. Dum mia 2 ½ jara prezidanteco en « Ĉiam Antaŭen » mi vidis, ke la grupo ne volis plenumi la neŭtralan statutaron kaj ke oni batalis kontraŭ ĉiuj neŭtralaj organizoj. Mi, kiel vera neŭtrala esperantisto, membro de UEA kaj Sileo, ne povas esti membro, eĉ prezidanto, de iu grupo, kiu havas klasbatalan tendencon. Tial mi eliĝis. — Sed la neŭtrala movado ne dormas en nia urbeto. ĉar depost Novembro 1932 mi instruas nun neŭtralajn gesamideanojn, kiuj venis al mi por eklerni nian amatan lingvon. — Restu ĉiam sur neŭtrala fundamento ! Ĉar nur tiam ni plenumos la ideon de nia ŝatata majstro kaj nur tiam ni povos efektivigi la altan taskon, kiun li heredis al ni.

S-ro Heinz Bense, Del. de UEA, Friedland, Bez. Breslau, Germanio.

# Esperantista vivo

## Naskiĝo

*** Al Ge-sroj Frank V. Taylor, D de UEA en Newcastle, N.S.A., Aŭstralio, filineto Dorothy, Hughes 3.8.32.

## Edziĝoj

Latva samideanino Milda Pirsts el Riga kaj ĉeĥa samideano František Jakubec membro de UEA el Brno geedziĝis en decembro 1932.

S-ro Philip P. H. Ongley kun F-ino Hilda M. Hayter, antaŭa sekr-ino de Londona Esperanto-Klubo, ambaŭ membroj de la Klubo, 17.12.32.

# Niaj mortintoj

*Kun sincera bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al la familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.*

S-ino Soudeillette, fidela anino kaj D de UEA, fervora batalantino por la rajtoj de virinoj, sindona laborantino por helpo al infanoj Paris, 12.I.1933.

S-ro Georges Rumy, eksdelegito de UEA en Rosny-sous-Bois, Francujo 19.I.33.

S-ro Josef Heidrich, ano 27365 en Warnsdorf, Ĉeĥoslovakio, (laŭ reveno de Esperanto, 1932.)

S-ro Alfred Heinrich, ano 15304, en Bodenbach, Ĉeĥoslovakio, (laŭ reveno de Esperanto, 1932.)

S-ro E. T. Doran, ano de UEA de pli ol 20 jaroj kaj servema Delegito en Manchester, Anglujo, 29-an de Decembro 1932.

*Sinceran kunsenton !*



# Korespondado

*Interŝanĝo de objektoj*

*Mallongigoj* : L-letero ; PK-poŝtkarto ; PI-poŝtkarto ilustr. ; bfl.-poŝtmarko sur bildflanko ; Gaz.-gazeto ; k.ĉ.l.-kun ĉiuj landoj ; C.r.-certe respondos.

*Amsterdam* (Nederlando). — S-ro H. Zilver, Damrak 95 (Box H.P.) Nur PM. Malrespondas bagatelojn.

*Budapest* (Hungar.). — F-ino Ilona Kernyàyszky Thék Endre u. 1.b. II-15, PK per internacia respondmarko.

*Bruges* (Belgujo). — Bruĝa Grupo Esperantista, sekr.: S-ro Charles Poupeye, 49 Bd. Léopold II, organizos 21.III.1933 korespondvesperon. Deziras ricevi korespondaĵojn el eksterlando. Ĉiu skribinto nepre ricevos respondon.

*Catarroja* (Hispanujo). — S-ro Eug. Blasco Hernandéz str. 14 Abril, P.I. k.ĉ.l.

*Cernovice u Tábora* (Ĉeĥoslovakujo). — S-ro Inĝ. L. Krajc PI, L, kĉl.

*Hradec Králové* (Ĉeĥoslovakujo). — S-ro František Besler, seminaristo Seminàr 91 PM k.ĉ.l., PI nur kun ekstereŭropaj sam. Ĉiam respondas.

*Irun* (Hispanujo). — S-ro Juan Mancheno, Larranaga 10-4-0, PM., filmrevuojn, vortarojn esp-naciajn. esp. nacilingvajn gramatikojn. Pagos per hisp. PI kaj PK.

*Klecany u Prahy* (Ĉeĥoslovakujo). — S-ro Antonin Havlik, horloĝisto, PM kun seriozaj filatelistoj k.ĉ.l. Ĉiam respondas.

*Košice* (Ĉeĥoslovakio). — S-ro Julio Kristof (juna konstruisto) Hlavnà 106 k.ĉ.l. L, PI. Respondo certa.

*Marburg a. d. Lahn* (Germanujo). — S-ro Heinr. Kessler, inĝ. Bahnhofstr. 35, PI., k.ĉ.l. C. r.

*Montmorency* (Francujo), Seine et Oise). — S-ro R. Olin, 4, rue de la Fraternité, les Rougemonts. (21-jara) L., PI. bfl. kun Latvolando, Litovujo, Persujo, Grekujo, ĉiam resp.

*Oslo* (Norv.). — Klubo de lab. filatelistoj en Oslo serĉas interligon kun esp. kolektantoj el la tuta mondo. Skribu multnombre al : Wil.. Landgraff, Nordkapsgaten 18.II Oslo Norv.

*Osaka* (Japan.). — F-ino F.T. Sugiura, Meijija Radio, 2, Sembon dori Nishinari-ku, PM., PI., Fot-ajojn.

*Pardubice* (Ĉeĥoslovakujo). — S-ro Josef Svaton, Husova 278, oficisto PI bfl. k.ĉ.l. Respondo garantiata.

*Upice* (Ĉeĥoslovakujo). — S-ro Bohumil Podolnik c-o Bat'a PM, PI, amatorajn fotografaĵojn deziras ricevi PM Repondo garantiata.

*Villeneuve sur Yonne* (Francujo). — S-ro Jac. Camescasse, Del. de UEA, en Jumeau par Les Bordes, Yonne, petas samideanojn kiuj loĝas en tiu-ĉi regiono sian adreson al li, por entrepreni komunan agadon.

*Zeltweg I* (Aŭstrio). — S-ro J. Reautschnig, libristo, PI k.ĉ.l. precipe el Afriko, Anglujo, Francujo,Hispanujo kaj Nordaj Landoj.

# Petoj kaj Proponoj

*INTERNACIA KOMERCO*

*Atentigu la lokan skoltaron* ke hungaraj skoltoj deziras korespondi kun ili per Esperanto. Skolta Esperanto Rondo. Budapest, V., Nagy Sàndor-utca 6.

*Atentu* ! Dufoje diplomita arbarinĝeniero — Wien k. Brno — sciante germane, ĉeĥe, esperante, france kaj angle, maŝinskribanto, stenografo, fotografo. — Leica — bonega pianisto, komponisto, 28 jara, fraŭlo, serĉas konvenan okupon. Tute egale kien. Ankaŭ reprezentus eksterlandajn entreprenojn en ĈSR, eĉ kiel raportisto kun fotoj. Kaŭciokapabla. Adr. Inĝ. Frederiko Matoušek, Domovina 12, Olomouc XI, Ĉeĥoslovakio.

*Jurnalisto*. — 21 jara sin prezentas por la kunlaborado al taggazetoj. Korespondas esp., france, germane kaj angle. Wilh. Ger. van Eyndthoven, van Ostadestraat 364-II, Amsterdam-Zuid, Nederlando.

*Paco*. — D-ro F.S. Onderdonk 1331 Geddes Ave., Ann-Arbor, Michigan, U.S.A., kolektas bildojn, afiŝojn, fot-ajojn rilate al paco kaj kontraŭ la milito por ekspozicio montrota en div. lokoj de Usono.

L'IMPRIMEUR-GÉRANT : A. GRANCHAMP, 2, RUE DES USINES, ANNEMASSE. - 80-2-33.